ilei

Driemaandelijks tijdschrift. Afgiftekantoor: Antwerpen X.
ISSN 1013-2031
Jarkolekto 29 - trimonata

2/99

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Organo de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj




**Redaktoro:**
Jozefo Németh

**Vicredaktoro**:
Katalin Smidéliusz

**Kunlaborantoj**:
Stefan MacGill,
Johano Kirsch,
Françoise Noireau,
Atilio Orellana Rojas,
Franz-Georg Rössler

## ENHAVO



## ESTRARO DE LA LIGO

**Prezidanto:** Maŭro La Torre, Dipartimento di Scienze dell'Educazione, Terza Universitá di Roma, Via del Castro Pretorio, 20, IT-00185 Roma, Italio. Tel. +39-06-4957805, fakso: +39-06-4452642. <m.latorre@uniroma3.it > *Interlernejaj projektoj, komunikiloj, terminaro, reprezentado.*

**Vicprezidanto**: Stefan MacGill, Bethlen Gábor u. 2, HU-2030 Érd, Hungario. Tel. +36 23 364 198. *Lerniloj, komunikiloj, eldona agado.*

**Sekretario:** Atilio Orellana Rojas, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag. Tel. +31 70 355 6677, fakso: +31 70 358 4422. <iei001@worldonline.nl> aŭ <ilei@esperanto.nu> *Membraro, ekzamenoj.*

**Vicsekretario:** Jennifer Bishop. 39 Hill Street, Hawthorn, AU-Victoria 3122, Aŭstralio. Tel. +61 3 9818 7358, fakso: +61 3 9905 3668. <esperanto@education.monash.edu.au> *Lernejoj, konferencoj, gimnazio.*

**Kasisto:** Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-242 94 Hörby, Svedio. Tel. kaj fakso (ne-aŭtomata): +46 415 501 52. *<bertil.andreasson@horby.mail.telia.com>* *Financo, konferencaj financoj. Membraro.*

**Membro**: Carla De Lorenzi, via Boston 65, IT-10137 Torino, Italio. Tel. +39 011 390 787. *Trejnado, lerniloj.*

**Membro**: Antonio Leoni de Leon, 1 rue Chandieu, CH-1202 Gèneve, Svisio. Tel. +41 22 734 2996. <katina.de-leon@ties.itu.int> aŭ <leoni8@etu.unige.ch>*Trejnado.*

***ILEI-bulteno:*** novaĵoj pri la Ligo: *<http://esperanto.nu/ileibulteno/index.html>*
***ILEI-hejmpaĝo:*** bazaj informoj pri ILEI, instruado kaj la projekto Interkulturo: *<http://www.uniroma3.it/lps/esp/ilei/>*

# Raporto de la Estraro pri la jaro 1998

**1. Estraro**

Ĝis la ILEI-Konferenco en Montpellier la Estraro konsistis el D-ro Duncan Charters, (Prezidanto), S-ro Brunetto Cassini (Vic-prezidanto), S-ino Marija Belošević (Sekretario), S-ro Bertil Andreasson (Kasisto), Prof. Zhang Danchen (Vic-sekretario), S-roj Atilio Orellana Rojas kaj Raymond Wylleman (Membroj). Okaze de la elektoj restis en la Estraro S-roj Andreasson (Kasisto) kaj Orellana Rojas (Sekretario) kaj eniris S-ro Maŭro La Torre (Prezidanto), S-ro Stefan MacGill (Vic-prezidanto), S-inoj Jennifer Bishop (Vic-sekretario), Carla De Lorenzi (Membro) kaj S-ro Antonio Leoni de Leon (Membro). [*En IPR 4/98 aperis iliaj biografioj.*]

**2. Membroj**

En 1998 ILEI havis 753 membrojn. Dum la Konferenco en Montpellier estis akceptitaj du novaj sekcioj: Irana kaj Pola. Per tio la nombro de Sekcioj kreskis ĝis 25. Nova Honora Membro iĝis S-ino Nora Moerbeek-Bartels, samjare forpasinta.

Sekvas resumaj raportoj nur de la Sekcioj, kiuj liveris tion ĝis la pretigo de ĉi tiu dokumento:

***Aŭstralio:*** La Sekcio raportas pri sukcesaj kursoj en diversaj regionoj de la lando, interalie en elementaj lernejoj. La projekto "*Ekparoli*" atingis sian lastan fazon. La Sekcio konservis la rubrikon '*Instruista Angulo*' en la revuo *Esperanto sub la Suda Kruco*. Okazis simpozioj en la diversaj provincoj ĉe kiuj estas proponitaj kursetoj kaj la novaj ekzamenoj de AEA, je la baza kaj meza niveloj. La Esperanto-Somerlernejo okazis por la 14-a fojo en Ipswich januare de 1998 kun ĉeesto de 50 partoprenintoj.

***Brazilo:*** Dum la jaro la sekcia estraro kunsidis 4-foje. La Sekcia Bulteno "*Milde*" kalkulas je proksimume 100 abonantoj. Estis registritaj 2.373 gelernantoj en diversgradaj kursoj (baza, mezgrada, supera kaj instruista).

***Finnlando:*** ELFI raportis pri diversaj E-kursoj en la lando, krome okazis *Eduka Semajnfino* en Jyväskylä en junio kun ĉeesto de 14 instruantoj. Ilia informilo, *Interligilo*, aperis 5-foje en la jaro. La Sekcio helpis en la ILEI-enketo pri uzata lernomaterialo. En ekstera informado la sekcio prizorgis prezentadon de Esperanto en la Universitato de Tampere, en Kuopio kaj Länsi-Orimattilan Laulajat. La Sekcio kunsidis en Rauhalahti, Kuopio.

***Hungario:*** Februare de 1998 okazis la tradiciaj *Pedagogiaj Tagoj* en Budapeŝto. ***Italio:*** Malgraŭ la momenta krizo la sekcio flegis rilatojn kun la membroj kaj planis strategion por eliri la stagnadon.
***Kroatio:*** Pli ol 100 perkorespondaj kaj 50 ĉeestaj kursanoj partoprenis kursojn tra la lando. Somere okazis porinfana kurso kun la ĉeesto de 100 infanoj el diversaj regionoj de Kroatio kaj Bosnio-Hercegovino. La Sekcio prizorgas la rubrikon "*Eduka angulo*" en la revuo *Kroata Esperantisto*. La Sekcio estis reprezentita dum la *Internacia Infana Foiro*.
***Nederlando:*** En oktobro okazis la tradicia *Studotago*, kunlabore kun la *Internacia Esperanto-Instituto* en Den Haag. La temoj estis "La rolo de la instruisto kaj la varbado de kursanoj", "La ĝusta kono de radikoj" kaj "Nederlandismoj kaj anglismoj". La Sekcia Bulteno *NGGE Sciigas* aperis tri fojojn en la jaro.

**3. Financoj kaj Libroservo**
Vidu apartajn financajn raportojn. La libroservo de ILEI pretas eniri konsenton kun elektitaj sekcioj kaj komisiitoj de ILEI pri komisia livero de siaj eldonaĵoj, tiel ke multiĝu la nombro de vendopunktoj. Kiu interesiĝas, bv. kontakti la estraranon pri aldona agado. Post konsento, nia laŭeble liveru stokojn kadre de la UK en Berlino aŭ nia posta konferenco. Jen la libroserva inventaro por la libroj de ILEI en 1998:

| *Titolo* | Stoko en Budapeŝto 1 jan 98 | Vendoj de Budapeŝto | Interŝanĝoj Prago; Vendoj kaj donoj UK/Konf./alia. | Stokoj 1 jan 99 Sume (Bp, Hago, BA) |
|---|---|---|---|---|
| Tendaraj tagoj 1 | 390 | 184 | 44 | 162 (125,21,16) |
| Tendaraj tagoj 2 | 370 | 60 | 38 | 272 (245,8,19) |
| Tendaraj tagoj 3 | 750 | 60 | 69 | 621 (511,98,12) |
| Kantoj kaj fantaz... | 650 | 12 | 150 | 488 (408,70,10) |
| Teorio kaj prakti... | 45 | 8 | 5 | 32 (20,10,2) |
| Socilingvistikaj... | 22 | 22 | 0 | 0 |
| Ekz. al la Tuta... | 0 | 0 | 0 | 100 (100,0,0) |

**4. Konferencoj**
La 32-a ILEI-Konferenco okazis en Montpellier (Francio) inter la 8-a kaj la 14-a de aŭgusto 1998 kaj aliĝis al ĝi 64 personoj en 24 landoj. La Konferenca Rezolucio estis tradukita al 6 lingvoj kaj sendita al UNESKO. [*Raporto pri la Konferenco aperis en IPR 3/98.*] Dum la Konferenco estis akceptita nova teksto por la Statuto kaj Interna Regularo.

**5. Eldonaĵoj**

ILEI kuneldonis kun ELNA la 64-paĝan verkon *Ekzercoj al la Tuta Pasporto* de Stefan MacGill kaj ĝi estis lanĉita dum la Universala Kongreso apoge al la similnoma vidbenda kurso. La financa engaĝiĝo de la Ligo por tio estis minimuma. Dum la jaro akurate aperis 4 numeroj de la oficiala organo de ILEI, *Internacia Pedagogia Revuo* (IPR). La aspekto de la kovrilpaĝo estis ŝanĝita de la numero 2/98 dank' al la kontribuo de S-ino Dalen. *Juna amiko* aperis 4-foje en la jaro kaj n-ro 98/3 en septembro havis plenkoloran kovrilon por varbaj celoj. *[Vidu apartan raporton.]*

**6. Informado**

ILEI kontribuadis al la eduka rubriko en *Eventoj*, interalie per serio de ses artikoloj de Stefan MacGill. De julio 1998 ILEI havas sian elektronikan bultenon ĉe <http://esperanto.nu/ileibulteno/index.html>, kiun la Sekretario administras kaj de post la Konferenco en Montpellier sian hejmpaĝon sub la gvidado de Maŭro La Torre ĉe <http://www.uniroma3.it/lps/esp/ilei/>. Dum la Universala Kongreso ILEI havis sian Budon por informi pri sia agado kaj varbi novajn membrojn.

**7. Ekzamenoj**

La Internacia Rajtigita Ekzamenantaro kreskis kaj nun entenas 57 membrojn. UEA represis la verkon *Gvidilo al la Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA* sub la revizia laboro de Atilio Orellana Rojas. Okazis en 1998 ses sesioj en Italio, Francio (2), Usono, Madagaskaro kaj Togolando. 72 kandidatoj prezentiĝis (49 elemente, 23 meze) 48 sukcesis en la antaŭtesto (27, 21), kaj fine 34 sukcesis (16, 18). La plej granda sesio, tiu dum la UK, registris 18 sukcesintojn.

**8. Rilato kun UEA**

Ĝis la Konferenco la A-Komitatano kaj Observanto de ILEI ĉe UEA estis S-ino Marija Beloŝeviĉ. Poste la A-komitatanecon transprenis S-ino Jennifer Bishop kaj la Observantecon S-ro Atilio Orellana Rojas. La Prezidanto starigis kaj flegis konkretajn rilatojn kun UEA, Linguapax kaj Unesko pro ilia komuna projekto Interkulturo. [*vidu IPR 3/98*].

*Atilio Orellana Rojas*
*Sekretario de ILEI*

## Juna amiko: sukcesa jaro

La du sekvaj tekstoj estas koncizigoj de pli ampleksaj skribaj raportoj liveritaj al la estraro de ILEI antaŭ la kunsidoj en Hago.

**Redaktora raporto**

La redaktoro deziras danki la estraron de ILEI kiu akceptis mian proponon pri plenkolorigo de la kovrilpaĝoj. Tio konsiderinde levis la kostojn, sed mi opinias ke la elspezoj ne estas vanaj, *Juna Amiko* ricevis belan eksteran aspekton indan por junulara periodaĵo.

Kreskis la nombro de kunlaborantoj. Aktivaj esperantistoj aliĝis el Tanzanio, Togolando, Honkongo, Kubo, Brazilo, Rumanio. Mia celo vastigi la redakcion al ekstereŭropaj landoj parte realiĝis. Por kunteni la teamon ĉiufoje, kun la redakciaj ekzempleroj mi sendas cirkuleron, en kiu mi skize prezentas niajn problemojn kaj taskojn. Mi ĝojas ke JA altiras multajn talentajn personojn eĉ el la plej malproksimaj anguloj de la mondo.

Problemo fariĝis la troabundo de publikigindaj materialoj, precipe en du ĝenroj: rakontoj/fabeloj kaj enigmoj, kelkajn mi devas ŝovi, ne unufoje, al la sekvonta jaro. Malfermiĝos konstanta rubriko por infanetoj sub la gvido de Stefan MacGill. Mi sopiras al pli alta teknika kvalito por la enaj paĝoj, realigebla se mi havus aliron al lasera printilo anstataŭ la nuna ink-ŝpruca. Ankaŭ sen la plenumo de mia peto, mi laboros por JA kun la sama energio kaj entuziasmo.

*Kun alta respekto:*
*Géza KURUCZ, red. de JA*

**Administra raporto**

**1998:** Aperis akurate kvar 24-paĝaj numeroj. Ni dissendis du gazetarajn komunikojn, unu kun kvar-partan rakonton. Numero 98/3 havis plenkoloran kovrilon kaj portis demonstran komputilan diskon kun ludo en Esperanto. La nombro de abonantoj atingis 1771 kompare kun 1150 en 1996 kaj 993 en 1994. Sendiskute Brazilo okupas la unuan lokon kun 723 abonantoj, poste Togolando (180), Francio (73), Italio kaj Litovio (po 60). Surbaze de la ricevitaj spezoj, la financa rezulto '98 estis kontentiga. Se aldoniĝos la ricevendaj spezoj, ĝi estos farinta solidan kontribuon al la financoj de la Ligo.

**Abonoj kaj enspezoj (NLG)**

| | Abonoj 98 | Enspezoj ricevitaj 98 | Abonoj 99 ĝis apr 14. | Abonoj 99 por buĝeto | Buĝetaj sumoj 99 |
|---|---|---|---|---|---|
| Tarifo 1 | 414 | 5150.91 | 327 | 380 | 5472 |
| Tarifo 2 | 736 | 5354.11 | 501 | 700 | 5040 |
| Tarifo 3-5 | 621 | 822.73 | 408 | 550 | 1980 |
| PAGITAJ | 1771 | 11327.75* | 1251 | 1630 | 12492 |
| Senpage | 300 | | | 250 | |
| SUME | 2071 | | | 1880 | |

**Kvantoj kaj kostoj (NLG)**

| Jaro | Ekz. | Pagoj | Presado | Afranko | Aliaj | Varbilo | Sume |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1998 | 11500 | 96 | 4101 | 4835 | 610 | 234 | 9782 |
| 1999 | 11400 | 136 | 6040 | 5700 | 764 | 266 | 12770 |

* Aldone estas ŝuldataj spezoj sumantaj je 1331 NLG, do la finsumo povos atingi 12658.75 NLG. La supraj ciferoj diferencas de tiuj en la oficiala financa raporto pro kurzdiferencoj kaj ĉar ĉi tiuj resumas spezojn rilatantaj al 98 (iuj venintaj nur en aprilo '99!), dum la financa raporto traktas spezojn okazintaj en 1998.

**1999:** La antologia numero 99/1 aperis en rekorda 52-paĝa amplekso. Kiel ĝi, postaj numeroj havos plenkolorajn kovrilojn (kaj almenaŭ 28 paĝojn). Ni buĝetas falon de 10% en la abon-nombro, pro la kotizaltigoj. En Norvegio, Ĉeĥio, Rusio kaj Usono vidiĝis ĝis nun pli grandaj postrestoj. Landoj kie ni povus imagi pli da abonantoj estas Belgio, Germanio, Japanio kaj Latin-ameriko, krom Brazilo kaj Venezuelo. Landoj malfermendaj estas Bulgario, Danlando, Irano, Israelo, Kanado, Koreio, Luksemburgo, Pollando, Slovakio, Slovenio, Turkio kaj Ukrainio. Afranko en Hungario altiĝis draste (+60 ĝis +250%), la revuon nun distribuas privata kompanio kun iom pli moderaj tarifoj. La buĝeto antaŭvidas finance preskaŭ ekvilibran jaron.

*Stefan MacGill, administranto de JA*

*La Ligo refoje dankas al ĉiu peranto, redakciano, subtenanto kaj kunlaboranto, kiuj kune tenas la revuon kvalite kaj kvante ĉe la pinto de la esperantaj revuoj. Ni fidas je plia uzado kaj subteno por la revuo en sia nova pli alloga vesto.*

# Resumo de la estrarkunsido en Hago

## 16-18 aprilo 1999

Ĉeestis: Mauro la Torre (MIT), Stefan MacGill (SMG), Atiljo Orellana Rojas (AOR), Bertil Andreasson (BA) kaj Antonio Leoni de Leon (ALL). Ne povis partopreni Jennifer Bishop (JB) kaj Carla de Lorenzi (CdL).

**Membraro kaj sekcioj**

La estraro laboras pretigi minimume du petojn por novaj sekcioj, sed ricevis jar-raportojn el nur sep el la ekzistantaj. AOR preskaŭ finis la kompilon de plena komputila membrolisto. La membronombro ne kreskas, nova varbilo kaj kampanjo provos ŝanĝi tion. La komitato ricevos du proponojn pri Honoraj membroj: s-ino Cathy Schulze (Usono, proponas la estraro) s-ro Claude Gacond (Svislando, proponas la svisa sekcio).

**Lerneja agado**

La prezidanto konigis la konturojn de la projekto Interkulturo i.a. per 12-paĝa raporto pretigita por Unesko. La estraro decidis alpreni ĉi tion kiel kernan projekton en la periodo 1999-2001. Jam tridek lernejoj en ĉiuj kontinentoj aliĝis al la *Kvazaŭa Lernejo Tibor Sekelj*, kaj ili eklernos la lingvon kaj interŝanĝos informojn ekde septembro 1999. La projekton subtenos laŭeble simpozioj kadre de Universalaj Kongresoj, kiel en Montpellier. Plej gravas formuli buĝeton por la projekto, kun aliro al FAME, Linguapax kaj Unesko por apogo. Krome, MIT mastrumas elektronan liston de ĉiuj konataj E-klasoj, kun ĉ. 400 enskriboj. ALL proponis ekagadi pri plenumo de edukaj bezonoj de rifuĝintoj kaj estis petita formuli konkretan projekton.

**Periodaĵoj**

La estraro ĝojas pro la regula kaj akurata aperado de la organo *IPR* kaj *Juna amiko*, kaj faras sugestojn pri iliaj enhavoj kaj stiloj. La estraro pritaksas aliajn ofertojn por la presado de IPR. En 1998 *Juna amiko* estis modere enspeziga, kun financa amplekso kreskinta ĝis 40% de tio de la tuta Ligo. La estraro akceptis la proponon fermi la tarifon kvar, fiksis kotizojn en eŭroj kaj konfirmis ke la tarifoj 1 kaj 2 restos senŝanĝaj por 2000. Ĝi akceptis proponon de la redakcio pri pretigo de simpla E-lingva vortaro por helpi al komencantoj kompreni la legaĵojn.

**Eldona agado**

La estraro vidis malnetojn de kaj akceptis buĝeton por la verkata lernilo *Okulo*, kiun ILEI eldonos, interalie por la projekto "Interkulturo". Tiucele, reeldono de la unua kajero de Tendaraj Tagoj necesos ĝis la jarfino. ILEI antaŭvideble plue kuneldonos la duan kajeron apoge al la vidbendo Pasporto al la Tuta Mondo (kun minimuma financa engaĝiĝo). La rezulto de la enketilo de CdL pri uzataj lerniloj aperos sub la nomo de la kompilinto kun financa apogo de 100.000 ITL de ILEI. La estraro decidis malfermi en Hago duan centron por la Libroservo; stokoj jam transiras tiucele; tio povos porti lu-kostojn. Konsentite malaltigi la stokvaloron de kantlibro eldonita de ILEI.

**Financo**

La estraro studis la rezultojn por 1998 kaj reviziis la buĝet-proponon de BA por 2000, i.a. aldonante novan rubrikon por la projekto Interkulturo. La estraro invitos al la komitato fiksi novajn kotizojn en eŭroj, kun pli forta diferencigo inter la A kaj B landoj. La estraro rekomendas A-kotizon inter 12 kaj 14 eŭroj, kaj B-kotizon inter 8 kaj 9. Oni decidis starigi apartan kason "Interkultura Edukado" por kolekti monkontribuojn por la interlerneja projekto (konto ĉe UEA "pike-b").

**Konferencoj**

BA prezentas la staton de aliĝoj por Karlovy Vary.

Pliaj aliĝoj estas atendataj. La programo bezonis multan diskuton, precipe kiel kombini la elstarajn prezentaĵojn de la metodika seminario (Mattos, Koutny, Kovács, Trenner...)

la bezonoj de la komitato, la lanĉo de Interkulturo kaj la kutimaj konferencaj eroj. Gimnazio ne okazos; la estraro provos en 2001 restarigi tion, eble en iom alia koncepto. Tiucele, ĝi proponos paralelan/komunan aranĝon kun Renkontiĝo de Esperantistaj Familioj (REF). La estraro ĝis nun ne sukcesis havigi sufiĉe solidajn informojn kaj kontaktojn por efektivigi la decidon de la komitato konferenci en Israelo en 2000. La respondeculoj paralele klopodas akiri la necesan certecon kaj samtempe esploras aliajn eblecojn. Por 2001 oni traktas kun konkretaj organizantoj en Kroatio.

**Informado**

MIT lanĉas interretan diskutejon, E-INSTR, por edukistoj, kiu jam havas cent aliĝintojn; la provizora administranto (MIT) serĉas anstataŭanton. ALL kaj AOR esploros pri novaj eblecoj por ILEI hejm-paĝoj.

**Jura stato**

La jura registriĝo de la Ligo en Nederlando proksimiĝas al maturiĝo. La sidejo estos la domo de IEI.

**Rilatoj kun aliaj instancoj**

La rilatoj inter UEA kaj ILEI rimarkeble boniĝis lastatempe kaj konkretiĝas ĉirkaŭ komunaj aliroj al Unesko kaj la projekto Interkulturo. ILEI estos reprezentata en Fondumo Zamenhof de s-ino Ilona Koutny. Kun la Akademio pluiras diskutoj pri komuna komisiono por la kontrolado kaj aprobado de lernolibroj, kaj pri ekzamenoj (lokaj kaj internaciaj).
Kunlabora interkonsento inter ILEI kaj Internacia Esperanto-Instituto (IEI) estas subskribita. S-ro Hans Erasmus, la subskribinto por IEI, prezentis la projektojn NEIGHBOUR kaj RELAIS, kiuj havas kongruajn elementojn kun Interkulturo. La prez. de UEA, s-ro Kep Enderby urĝas ILEI eniri rilatojn kun FIPLV (Federacio Internacia de Instruistoj de Vivantaj Lingvoj) kaj sendi reprezentanton al ĝia konferenco en Parizo en 2000.

**Estraro kaj komisiitoj**

La lastjare kombinita ekzamena kaj lernejkonkursa komisiono fariĝos du apartaj. Restarigita estos estrara fako *Eldonado*, kiu kovros la periodaĵojn kaj ĉiujn ceterajn eldonaĵojn.
La estraro kunsidos en Berlino kaj Karlovy Vary. Parta kunsido estas konsiderata samtempe kun intervenoj en la Malferma Tago de la CO en novembro 1999. Estas principa konsento pri paralelaj estrarkunsidoj en marto 2000 de UEA kaj ILEI (en Roterdamo kaj Hago resp.), kun komuna renkontiĝo pri edukaj projektoj.

*Kompilis: Stefan MacGill*
*24 apr 99.*

## Financa raporto 1998

### REZULTKONTO 1998

| RIMEDOJ | SEK | KOSTOJ | SEK |
|---|---|---|---|
| Membrokotizoj | 54.146:60 | IPR | 43.399:53 |
| Ricevitaj libroj | 402:34 | Afranko, telefono, fakso | 16.257:79 |
| Eldona agado | 5.681:00 | Estraraj kostoj | 5.033:50 |
| Subvencio UEA | 12.814:50 | Kopiado, materialo | 6.786:05 |
| Ekzamenoj | 3.852:37 | Faka kotizo | 1.319:89 |
| Interezo | 396:26 | Bankkostoj | 698:46 |
| Juna Amiko | 3.345:89 | Oficejaj iloj | 10.514:85 |
| Konferenco 1998 | 6.538:48 | Azia agado | 655:00 |
| | | Gajno | 2.512:37 |
| | 87.177:44 | | 87.177:44 |

### BILANCO 1998-12-31

| AKTIVOJ | | PASIVOJ | |
|---|---|---|---|
| En kaso | 9:57 | Koleghelpa konto | 37:09 |
| Banko: SE | 10.852:83 | Fond. Szerdahelyi | 1.640:65 |
| Frosta | 864:15 | Fond. Dazzini | 2.918:65 |
| poŝto | 3.878:89 | Fond. Erika Linz | 21:36 |
| UEA. ilek-a | 33.613:12 | FEL | 9.058:11 |
| Debitoroj: HEA | 4.200:00 | Div. kreditoroj | 2.033:35 |
| JA | 13.176:77 | | |
| UEA | 340:00 | | |
| Stoko eldonoj | 12.584:00 | | |
| Stoko ricevitaj libroj | 1.000:00 | | |
| Nepagitaj fakturoj | 1.500:00 | | |
| Oficejaj iloj | 10.400:00 | | |
| Filatelajoj | 1:00 | Propra kapitalo | 76.711:12 |
| | 92.420:33 | | 92.420:33 |

### Konferenco 1998

| | SEK | |
|---|---|---|
| Kotizoj 1997 | 1.300:00 | |
| Kotizoj 1998 | 64.995:90 | |
| Kostoj | | 59.757:42 |
| Gajno | | 6.538:48 |
| | 66.295:90 | 66.295:90 |

### Fondaĵo Szerdahelyi

| SEK | |
|---|---|
| Saldo 1997-12-31 | 9.981:18 |
| Donacoj | 721:26 |
| Interezo | 151:30 |
| Saldo 1998-12-31 | 10.853:74 |

## Koleghelpa konto

| | | |
|---|---|---|
| Saldo 1997-12-31 | 5:94 | |
| Donacoj | 1.174:14 | |
| Loterio, M'pellier | 557:01 | |
| Membrokotizoj | | 1.700:00 |
| Saldo 1998-12-31 | | 37:09 |
| | 1.737:09 | 1.737:09 |

## Konferenca kaso Dazzini

| | |
|---|---|
| Saldo 1997-12-31 | 840:70 |
| Donacoj | 2.077:95 |
| Saldo 1998-12-31 | 2.918:65 |

## Fonduso Erika Linz

| | | |
|---|---|---|
| Saldo 1997-12-31 | 135.923:90 | |
| Stipendio | | – 1.540:00 |
| Donaco | 21:36 | |
| Interezo | 6.429:80 | |
| Saldo 1998-12-31 | | 140.835:06* |
| | 142.375:06 | 142.375:06 |

## IPR

| | |
|---|---|
| Redakta laboro# | 8.119:35 |
| Presado | 19.849:62 |
| Ekspedo | 2.637:26 |
| Afranko | 12.793:30 |
| | 43.399:53 |

* Obligacio je nominala valoro 40.000:00; valoro 1998-12-31: 46.416:00.
# Inkluzivas la kompostadon.

## Juna Amiko

| RIMEDOJ | SEK | KOSTOJ | SEK |
|---|---|---|---|
| Abonoj | 47.691:23 | Afranko 1997 | 4.048:34 |
| Donaco | 240:70 | Afranko 1998 | 19.759:81 |
| Interezo | 6:77 | Honorarioj 1997 | 779:00 |
| | | Honorarioj 1998 | 3.419:88 |
| | | Honorarioj 1999 | 196:50 |
| | | Presado | 16.571:50 |
| | | Bankkostoj | 75:00 |
| | | Materialoj | 94:12 |
| | | Gajno | 3.345:89 |
| | 47.938:70 | | 47.938:70 |

| AKTIVO | | PASIVO | |
|---|---|---|---|
| Banko | 349:22 | Kreditoro | 13.176:77 |
| UEA, juna-l | 39.153:34 | 98/4 preskostoj | 3.800:00 |
| FEL | 1.296:19 | | |
| Nepagitaj fakturoj | 372:00 | Propra kapitalo | 24.193:98 |
| | 41.170:75 | | 41.170:75 |

*1998-12-31* *Bertil Andreasson*

# Financa plano 2000

***Rimedoj***

| | SEK |
|---|---|
| Membrokotizoj | 60.000:00 |
| Konferenco | 1.000:00 |
| Libroj | 500:00 |
| Eldonajoj | 6.000:00 |
| Ekzamenoj | 5.000:00 |
| Subvencio UEA | 12.000:00 |
| Interezoj | 400:00 |
| Diversajoj | 2.000:00 |
| Juna Amiko | 2.000:00 |
| Deficito | 4.100:00 |
| | 93.000:00 |

***Kostoj***

| | |
|---|---|
| IPR | 47.000:00 |
| Afranko, telefono, fakso ktp | 15.000:00 |
| Estraraj kostoj | 10.000:00 |
| Kopiado, materialo | 6.000:00 |
| Oficejaj iloj | 3.000:00 |
| Faka kotizo, UEA | 1.300:00 |
| Interkulturo | 10.000:00 |
| Azia agado | 700:00 |
| | 93.000:00 |

*Bertil Andreasson*

# ILEI dum la UK: Tago de la Lernejo

Ĉi tiu tradicia ILEI-programero dum la Universala Kongreso ĉi-jare okazos sub la temo "*Interkultura edukado*". Dum ĝi la ĉeestantoj konatiĝos kun la germana eduksistemo, kiun prezentos Guenter LOBIN; la estro de la projekto "*Esperanto, Pasporto al la Tuta Mondo*", Lucy HARMON, informos pri la lastaj atingoj de la produktado de tiu instrufilmo; la Vic-prezidanto de ILEI, S-ro Stefan MacGILL parolos pri la pedagogiaj helpiloj de ILEI kaj post tio sekvos ronda tablo pri instruado sub la gvidado de Paul GUBBINS, Maŭro La TORRE kaj Stefan MacGILL. Ĉiuj ILEI-anoj estas varme invitataj.

## Kompletigaj informoj por la ILEI Konferenco

**Asekuro dum la ILEI-konferenco 1999**

Ni volas atentigi ĉiujn ILEI-konferencanojn, ke la prezoj de eventuala kuracado en Ĉeĥio estas multekosta, tial nepre vi venu asekurigitaj aŭ vi asekuru vin pere de la organizantoj (tiukaze skribu al Petro Chrdle, Anglicka 878, CZ-25229 Dobrichovice, fakso +420.2.9912126, rete: chrdle@kava-pech.cz) ĉe Ĉeĥa ĝenerala asekurigejo. Jen la kondiĉoj de la asekuro de eksterlandanoj por mallongdaŭra restado en Ĉeĥio inkluzive transitajn landojn (krom sia propra). [La prezoj estas en ĉeĥaj kronoj, sed ni jam trakalkulis ilin al NLG]:
La tarifoj estas por unu persono kaj unu tago, por minimume 3 tagoj, maksimume 60 tagoj: Personoj 0 - 69 jaraĝaj: NLG 2.20, ĝis 79 jaroj NLG 4.40, ĝis 99 jaroj NLG 6.60.
La plenumo kaze de bezono estas ĝis: neprokrastebla kuracado post la asekurevento ĝis NLG 61600.- / akuta helpo ĉe la dentisto NLG 304,- / Repatriiĝo ĝis NLG 18480.- / plenumo de unu asekuro entute ĝis NLG 123200.-.
Por prizorgi la asekuron ni devas koni precizan (laŭpasportan) kompletan nomon, naskiĝdaton, daŭran restadadreson, pasportnumeron, ekveturon (la unuan tagon de la asekuro) kaj forlason de Ĉeĥio aŭ la lasta transita lando (la lastan tagon de la asekuro).
Tiuj, kiuj jam pagis siajn kotizojn kaj ĉiujn ceterajn menditajn servojn povas pagi la asekuron surloke ĉe la akceptejo, kiu ankoraŭ pagos iujn servojn, bv. aldoni ankaŭ la menditajn asekurtagojn laŭ viaj aĝo kaj daŭro de la celata asekuro.

**Atingeblo de la konferencejo:**

Plejparto de la konferencanoj certe venos per speciala aŭtobuso rekte de la berlina UK-ejo al la karlovara konferencejo. Tamen kelkaj konsiloj por tiuj, kiuj venos rekte al la konferenco:
La banloko Karlovy Vary situas ekster la ĉefaj fervojaj linioj kaj trajnado tien estas komplika kaj longdaŭra. Sed trafikas ĉiuhore publikaj aŭtobusoj de Prago (aŭtobusa stacidomo Praha-Florenc) kaj malpli ofte de la aŭtobusa stacidomo Plzen (ĉefurbo de la okcidenbohemia regiono). Se vi indikos vian alvenon (tempon kaj stacidomon) al Prago Plzen, iu loka esperantisto povas helpi al vi orientiĝi en Prago (Plzen), aĉeti la busbileton kaj enbusigi vin en la ĝustan aŭtobuson.
La adreso de la kongreso: DM (Domov mladeze, *Domo de junularo*), Lidicka 38, Karlovy Vary, urboparto DRAHOVICE. Ĝin eblas atingi de la urbocentro per

urba buso n-ro 1 aŭ 10. Elbusiĝu en la haltejo NARODNI kaj iru kelkajn metrojn samdirekte kun la veturo de la buso kaj post la angulo vi jam vidos la grandajn konstruaĵojn de la kongresejo. La studentaj ĉambroj kaj la hotelstilaj ĉambroj estas atingeblaj de la sama koridoro malantaŭ la ĉefa enirejo, kie apud la normala akceptejo funkcios la tutan alventagon la konferenca akceptejo.

Se vi planas veni aŭte, petu sendon de la plano de Karlovy Vary kun la indikita vojo al la konferencejo. Estas sufiĉe granda parkejo tie (kaj senpaga antaŭ la konferencejo, kaj gardita 24 horojn tage kontraŭ pago - proks. 10 minutojn piede de la kongresejo).

**Eblo de plilongigo de via restado en Prago**

Eblas organizi komunan veturadon - ekskurson post la fino de la konferenco de K.Vary al Prago, dum kiu ni vizitus la reĝan bierejon Kruŝovice, konatan burgon Krivoklat, tagmanĝus komune survoje kaj atingus Pragon ĝis 16.00. Laŭ bezono de la partoprenantoj la aŭtobuso veturos unue al la flughaveno, sekve al la ĉefa fervoja stacidomo kaj / aŭ stacidomo Nadrezi Holeŝovice. La prezo inkluzive la biletojn kaj tagmanĝon estus NLG 76.- pagotaj la unuan tagon ĉe la akceptejo.

Por tiuj, kiuj volus resti kelkajn tagojn en Prago, ni povas rezervi laŭdezire tranoktojn en diversaj kategorioj (de kvarstela hotelo ĝis studenta tranoktejo) - pro niaj kontraktoj pli favorpreze ol se vi mendos rekte en la hoteloj. Esperantlingva ĉiĉerono por la postkonferenca restado en Prago je dispono. Kiu planas tian plilongigon, prefere informu nin [*adreso supre*] pri viaj deziroj, ke ni rezervu la tranoktojn pli frue, la lasta eblo de aliĝo (kaj pago) estos la unuan tagon de la konferenco ĉe la akceptejo.

*Petro Chrdle*

**Katalin Smidéliusz**

# Lingvoplanado kiel pedagogia rimedo en la edukado de filologoj (Interlingvistiko vivproksime)

**1. La programo de la studobjekto Interlingvistiko**

Kadre de la universitatranga fako aplikata lingvistiko, kiu estis lanĉita en Szombathely, en la studjaro 1998/99, la studobjekto interlingvistiko ricevis lokon en la programo. Ĝi estas instruata dum du semestroj.

**La celo** de la objekto estas: studi lingvopolitikajn demandojn, ekzameni

apriorajn kaj aposteriorajn filozofiajn lingvoprojektojn, ekkoni la plej gravajn artefaritajn lingvojn.
Kvankam la fakoj de la plej multo de la studentoj estas la angla aŭ la germana lingvo, estis ĝenerale rimarkebla fakto, ke komence ili posedis tre malmultajn ĝeneral-lingvistikajn konojn. Ili kapablis havi superrigardon nek pri sia gepatra lingvo, nek pri la konataj fremdaj lingvoj, ne povis doni pri ili strukturajn analizojn. Ilia lingvokono konsistis nur el la traduko de konkretaj strukturoj kaj esprimoj.
La temo de la nova studobjekto postulis, ke la studentoj travidu la strukturojn de la lingvoprojektoj, kapablu eltiri proprajn konkludojn, en ili kreiĝu konkretaj pretendoj dum la analizo de la unuopaj lingvoj.

## 2. La metodikaj paŝoj de la lingvoplanigo

Por faciligi la studojn, tro teoriajn por unuakursano, ni alproksimiĝis al la temo de la praktika flanko, kadre de kiu laboro la agadon de la malgrandaj grupoj ni efektivigis en tri ŝtupoj.
***Por la unua provo*** la studentoj, sen iu ajn antaŭpreparigo, dum seminaria horo devis skizi la bazon de propra lingvoprojekto.
La projekto prezentiĝis destinita iĝi la nova, komuna lingvo de la Eŭropa Unio. La lingvo devis esti: *simpla, regula, facile lernebla kaj la leksiko devis baziĝi sur la eŭropaj lingvoj.*
***En la dua etapo*** la grupoj povis labori pri la projekto dum du monatoj, por ellabori la detalan gramatikon de la lingvoprojekto, kaj krei ties bazan vortprovizon kaj modelfrazojn.
**La tria fazo** estis kiam la grupoj devis prezenti sian lingvoprojekton al la aliaj, argumentis pri la logikeco de siaj solvoj, respondis al la starigitaj demandoj.
Ĉiuj tri fazoj havis siajn lingvistikajn kaj pedagogiajn taskojn (kaj ankaŭ spertojn).

## 3. La eksperimento

**3.1.** La skizoj, faritaj dum la **unua 90-minuta grupa laboro** estis mizeraj. La plej ĝenerala sperto estis, ke la studentoj tute ne sciis kiel priskribi lingvon. (Ili produktis el vortkategoria vidpunkto miksitan vortliston, ofte grupigante la vortojn en konversaciajn temojn. Troviĝis grupo, kiu opiniis la plej grava tasko listigi la fleksiajojn kaj finaĵojn.)
Por plupaŝi necesis doni al ili ampleksajn klarigojn pri la bazaj nocioj, manieroj priskribi lingvojn, ktp.

**Lingvistikaj kaj pedagogiaj taskoj de la dua etapo estis:**
- instigi la gestudentojn labori grupe

- studigi al ili lernolibrojn pri lingvoj kaj gramatikoj
- necesis konigi al ili aron da lingvistikajn terminojn
- helpi apliki analizon, sintezon (studo de la lingvoj, rimarko de ĝeneralaj reguloj)
- alkutimigi ilin al logika, kreiva pensado (konstruo de la propra sistemo)
- evoluiigi la lingvistikan fantazion (trovo de novaj leksemoj)
- kompili enhave kaj estetike altnivelan laborajon pere de komputilo

### 3.3. Dum la prezentado de la propraj projektoj

| ***efektivigitaj taskoj*** | ***rimarkoj*** |
|---|---|
| **a) la prezentantaj studentoj** | |
| - montris siajn kapablojn prelegi, prezenti sciencajn temojn antaŭ publiko | balbuta prezentado, ligita al la paperoj |
| - la inventitan projekton ili devis koni tiagrade, ke ili povu respondi al la demandoj, kapablu argumenti pri la temo | ili ne ĉiam travidis la propran |
| - la identiĝo kun la propra lingvoprojekto faris la studentojn fieraj | ili esprimis siajn emociojn tre kuraĝe, nature |
| **b) la aŭskultantaj studentoj** | |
| - aŭdante, ene de malmulte da tempo ili devis travidi la fremdajn strukturojn<br>- la studentoj devis rimarki en la lingvoj la (ne maloftajn) kontraŭdirojn kaj mallogikaĵojn<br>- ili prijuĝis la aŭditajn projektojn, esprimis sian opinion pri tiuj | komence la studentoj apenaŭ povis sekvi la prezentadojn, poste pli kaj pli ili alkutimiĝis |

## 4. Kiajn pluajn eblojn povas doni la detala analizo kaj komparo de la lingvoprojektoj?

### 4.1. Observaĵoj ene de unu lingvo

- fonemsistemo (ĉiu grupo uzis 5 vokalojn — *a,e,i,o,u* — ; unu donis eĉ fonetikan transskribon.)
- grafikaj sistemoj (TINK: uzis ne nur la kutimajn latinajn literojn ç [tʃ])
- la tipologia klasifiko de la lingvo (en pluraj kazoj estis donita sed plej ofte ne la ĝusta)

- kiujn vortkategoriojn ili prilaboris detale, finpensis logike (pronomoj, Tabelo.1.)
- kiagrade ili strebis al la reguleco (substantivoj, Tabelo. 2.)
- kie rimarkeblis la plej grandaj mankoj (verbosistemo: ekz. estis nur indikativo, mankis pluraj verbotempoj kaj modoj, ili simple ne pensis pri ili)
- kreado de la vorttrezoro (abstrakta, sprita, fontoj rekoneblaj)
- la karakterizaj trajtoj de la donita leksiko (laŭtema, hazarda)
- vortfarado, derivado (UNI DUMI: numeraloj: *ei, ze,de, ...; **tago: ge**, lundo **eige**, mardo: **zege**..., **monato: ufge**, januaro **ufge** ei, februaro **ufge** ze* Tabelo.3.)
- ekzemplofrazoj, ekzemplotekstoj (ili servas por gramatikaj, lingvistikaj celoj, estas amuzaj)
- ĉu estis farita traduko de literaturaĵo (UNI DUMI: Petőfi: La amo, la amo)
- kiujn erarojn ili faris (" *en nia lingvo troviĝas la sekvaj prepozicioj: -dan = ĝis, -deg= jer, -fu = en, ktp. Tiuj staras ĉiam post la vorto.")*
- kiujn efikojn havas la lingvoj (*laŭfaka, studata/ lernata lingvoj* de la studento, aŭ la gepatra lingvo. Pozitiva efiko: estas rekoneblaj la elementoj; negativa: evititaj solvoj)
- sintaksaj priskriboj apenaŭ troveblis en la projektoj

### 4.2. komparo de la diversaj lingvoprojektoj

- similaj solvoj (lingvaj, leksikaj)
- preparo de frekvencolisto laŭbaze de la donitaj vortaroj
- provo krei pli perfektan lingvon uzante la plej bonajn elementojn de la prezentitaj projektoj

## 5. Praktika provo de la lingvoprojektoj

La vera provo de la prezentitaj projektoj povos efektiviĝi, kiam ĉiu grupo kapablos traduki al sia lingvo la saman tekston, la lingvajn formojn sisteme listigitajn ekzemplofrazojn. Dum la tradukado la studentoj povas rimarki la mankojn de siaj lingvoprojektoj, la neuzeblecon de la malbone aŭ nekomplete prilaboritaj strukturoj. Tiam la studentoj havos eblon pluperfektigi sian projekton, aldoni la mankantajn elementojn.
Dum la posta analizo la tradukoj de la sama teksto donas pli bonan eblon por la komparo kaj analizo de la projektoj.

## 6. Konkludo

### 6.1. Ĝeneralaj spertoj

Planado de lingvo kiel tasko estis nekutima al la studentoj, sed ili komencis la

laboron kun granda entuziasmo. (Estas alia problemo, ke unu el la grupoj ne klopodis prepari sistemon plejeble taŭgan, ne povis/volis persiste labori). Dum la procezo mi sukcesis alkutimigi la studentojn al konscia kaj regula ekzameno de lingvaj sistemoj, al ampleksa struktura analizo de la gepatra lingvo, malkovro de lingvaj universalaĵoj kaj instigi ilin al ties kreiva apliko.

Dum la dua parto de la semestro la analizon de la kutime alte taksataj lingvo(projekto)j (*Volapuko, Esperanto, Ido, Occidental, Interlingua,* hungara *Romanid*, novaj: *Uropi, Klingo, Europanto*) ili faris jam laŭ siaj spertoj, komparante, rigardante per aglaj okuloj la diversajn sistemojn, serĉante la formojn kaj solvojn, konvenajn al iliaj pretendoj. La akiritajn spertojn ili povos bone utiligi dum siaj filologiaj studoj kaj lingvoinstrua praktiko. Studento jene resumis la esencon: " Se mi eklernos novan lingvon, mi komencos ne per la lernolibro, irante de unu leciono al la alia, sed mi unue trastudos la gramatikan libron. Kial ne tiel oni instruis nin ĝis antaŭe?" Fakte kial ne?

**6.2. Kiel tiu eksperimento utilis al Esperanto?**

Krom la menciitaj utilaj lingvistikaj spertoj la studentoj vole-nevole havis daŭran kontakton kun planlingvoj, alkutimiĝis al la ideo ke tiuj ekzistas, pluraj el inter ili funkciis kaj eĉ nun funkcias.

Fine de la dua semestro dum la ekzameno ili devos profunde koni unu el la pritraktitaj lingvoprojektoj. Literaturon por la prepariĝo mi mem disponigis aŭ direktis ilin al la reto. Nur unu lingvo estis kiun mi pretis instrui post la devigaj lekcioj, tiu lingvo estis Esperanto.

La fakultativan kurson vizitis pli ol la duono de la grupo kaj multaj sincere ekinteresiĝis pri la lingvo kaj ties movado. Vizitis la studentojn ankaŭ la estro de la landa junulara sekcio kaj ŝi rakontis pri la eblaj kontaktoj, sekvaj E-aranĝoj. La informoj venis tiam de samaĝulo kaj ne de la profesorino, ankaŭ tio multe helpis. Kelkfoje alia juna esperantisto venis kaj helpis ilin en la lernado, malebligante, ke la lingvo ligiĝu ekskluzive al mi.

La funkciadon de E-o la studentoj mem povis sperti, kiam dum unutaga ekskurso ni vizitis en Vieno la Internacian Esperanto-Muzeon kaj tie la direktoro de la muzeo s-ro Herbert Mayer en Esperanto prelegis pri la planlingvoj Occidental kaj Interlingua. Tiam evidentiĝis ke nia internacia lingvo taŭgas ankaŭ al fakaj, sciencaj celoj, tio ŝajnis esti grava argumento por E-o.

Al la ekskurso aliĝis ankaŭ nefilologaj junaj esperantistoj, kiuj inter si kaj kun mi parolis daŭre en Esperanto, kion pluraj el la grupo unue nur observis, poste iom ankaŭ partoprenis.

Eble el la trideko da filologoj nia movado gajnos "nur" kvar-kvin esperantistojn, sed certe ankaŭ en la aliaj restos pozitivaj opinioj pri la planlingvoj, kiujn ili povos transdoni dum la postaj lingvistikaj agadoj.

*Tabelo nr. 1.*

| Pronomoj | | | | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | **Havajonho** | | **Majo** | | | | **Simple** | | | | **Tink** | | | **Uni Dumi** | | |
| | **N.** | **A.** | **N.** | **A.** | **P.** | **D.** | **N.** | **A.** | **P.** | **D.** | **N.** | **A./D.** | **P.** | **N.** | **A.** | **P.** |
| Sing. 1-a p. | ha | hai | ego | egom | egoz | cuego | ego | ta ego | lu ego | ka ego | ot | ota | otu | Ba | Bam | Bas |
| Sing. 2-a p | va | vai | due | duem | duez | cudue | tu | ta tu | lu tu | ka tu | to | toa | tou | Ce | Cem | Ces |
| Sing. 3-a p | jon | joni | da | dam | daz | cuda | ato | ta ato | lu ato | ka ato | fer | fera | feru | Do | DoM | Dos |
| | | | | | | | | | | | fem | fema | fesu | | | |
| | | | | | | | | | | | fes | fesa | fesu | | | |
| Plur. 1-a p. | ho | hoi | vini | vinim | vimiz | cuvini | vi | ta vi | lu vi | ka vi | oto | otoa | otou | Fo | Fom | Fos |
| Plur. 1-a p. | vat | vati | bila | bilam | bilaz | cubila | tem | ta tem | lu tem | ka tem | mot | mota | motu | Go | Gom | Gos |
| Plur. 1-a p. t | jont | jonti | toro | torom | toroz | cutoro | sei | ta sei | lu sei | ka sei | lat | lata | latu | Ho | Hom | Hos |
| ĝentila form. | | | | | | | vato | ta vato | lu vato | ka vato | | | | | | |
| | | | | | | | | | | | | | | | | |
| | | | | | | | | | | | | | | | | |

La studobjekto daŭre restos en la programo kaj ni volonte akceptos sugestojn, kritikojn, laborkontaktojn kaj librodonacojn kiuj povos helpi pliprofundigi nian laboron.

*Tabelo nr. 2.*

| Substantivoj | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| | Havajonho | Majo | Simple | Tink | Uni Dumi |
| **finajoj** | **malregula** ibrik=taso, skribo=krajono kanis= hundo | **ĉiam -o** melkefamo= penso zamero= domo | **ĉiam -e -** kafe= kafo morne= mateno bire= biero | **malregula** imbra=pano lebem=akvo leke=fajro pibo=domo | **vokalo** sasu= vicpatrino kike= printempo patri=somero |
| **pluralo** | -l (postkonsonanto -e ligvokalo) | -ta | -s | -z | -r |
| **genroj** | ne ekzistas | ne ekzistas | ne ekzistas | ne ekzistas | ne ekzistas |

*Tabelo nr.3.*

| Numeraloj | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| | Havajonho | Majo | Simple | Tink | Uni Dumi |
| 0 | | zon | | | Ui |
| 1 | tam | bon | on | er | Ei |
| 2 | tem | deg | du | do | Ze |
| 3 | tim | tar | tre | zi | De |
| 4 | tom | sul | fri | re | Vu |
| 5 | tum | pet | fro | gu | Fu |
| 6 | tal | ses | sax | lo | Se |
| 7 | tel | sin | on | ve | Si |
| 8 | til | akut | fon | ho | Au |
| 9 | tol | niet | mer | bi | Ne |
| 10 | deke | osol | len | ne | Zi |
| 20 | | degol | du len | | Zezi |
| 26 | | degol-ses | | | Zezi se |
| 100 | ceno | bosol | keko | | Zizi |
| 113 | | bosol-osol-tar | | | |
| 1000 | nilo | | tasa | | Zizizi |
| 10.000 | | osbonosol | | | |
| 1.000.000 | | | mille | | |

**Vortfarado**

UNI DUMI lingvo
**Tago:** ge

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| lundo | Eige | mardo | Zege | merkredo | Dege |
| ĵaŭdo | Vuge | vendredo | Fuge | sabato | Sege |
| dimanĉo | Sige | | | | |

**Nomoj da la monatoj:** esprimitaj helpe de la numeraloj
**Monato:** ufge

| | | | |
|---|---|---|---|
| januaro | Ufge Ei | februaro | Ufge Ze |
| marto | Ufge De | aprilo | Ufge Vu |
| majo | Ufge Fu | junio | Ufge Se |
| julio | Ufge Si | aŭgusto | Ufge Au |
| septembro | Ufge Ne | oktobro | Ufge Zi |
| novembro | Ufge Eizi ei | decembro | Ufge Eizi ze |

*Berzsenyi Dániel Tanárképző Főiskola, Alkalmazott Nyelvészeti Tanszék, HU-9701 Szombathely, Pf.: 170, Hungario, <smidik@rik.bdtf.hu>*

## Ni kondolencas

Elstara kaj ĝisosta esperantisto forlasis nin. La 12-an de marto 1999 forpasis en la aĝo de 75 jaroj, post kelkmonata malsano,

**✝ *OENE HOEKSTRA* ✝**

[Une Hukstra] Honora Membro de ILEI, UEA kaj la Nederlanda ILEI-sekcio. Esperantisto de 60 jaroj, li dediĉis sian tutan vivon al Esperanto. Li multe instruis Esperanton aŭ, kiel li mem diris, li ne instruis la lingvon, sed faris la lernantojn esperantistoj. Li iniciatis kaj lanĉis kampanjon "Esperanto-100", en la kadro de la centjariĝo de la lingvo. Li kompilis varbilon por la libro "Esperanto Programita" (tiam ankoraŭ kun gramofondisketoj) kaj forsendis centojn da ekzempleroj. Tiel li gajnis multajn novajn adeptojn. Li tre aktivis por ILEI, precipe por la Nederlanda sekcio. Lin interesis novaj instrumetodoj. Konvinkite de la valoro de la "Esplor-kreiva vojo", iniciatita de d-ro Knibbeler, li organizis kurson por studentoj en la universitato de Nijmegen kaj studotagon en sia loĝloko Schoorl. Li prezentis la metodon ankaŭ dum studotago en Hago.
La funebran ceremonion ĉeestis plurdekoj da esperantistoj, reprezentantoj de la loka grupo, de la landa asocio, de la Nederlanda ILEI-sekcio kaj de UEA.
Ni danke rememoros lin.

*Hans ten Hagen*

## ✝ CATHY SCHULZE ✝

*Kiu estis Cathy Schulze kaj kion ŝi faris por la Esperanto-movado en Usono?*
Sen troigo oni povas aserti ke neniu alia individuo havis pli gravan rolon en la progreso de Esperanto en Usono dum la lastaj jardekoj.
Eklerninte Esperanton de Doris Tappan Connor en Novjorko kiam Ges. Connor direktis la agadon de la Esperanto-Asocio de Norda Ameriko (EANA), Cathy admiris sian instruiston, sed ideologie kaj spirite rifuzis akcepti la politikan makartismon kiu karakterizis tiun asocion. Pro siaj profundaj homsentoj, ŝi intuiciis ke Esperanto povos progresi nur se ĝiaj adeptoj vivos la principojn de la homamo kiuj por D-ro Zamenhof estis fundamentaj por la sukceso de la lingvo kaj la atingo de ĝiaj homaranismaj celoj. Cathy do aliĝis tutkore al la grupo kiu fondis la nunan ELNA por dece reprezenti Esperanton kaj ĝiajn idealojn al la usona publiko.
Mem talenta instruisto de la lingvo, ŝi vaste informis pri la eduka valoro de Esperanto kaj persvadis plurajn elementlernejajn instruistojn kaj lernejestrojn enkonduki Esperanton en lernejojn de la San-Franciska regiono. La kvalitoj kiuj faris ŝiajn prezentadojn tiel allogaj kaj persvadaj estis la tute aŭtentika amo kaj zorgemo kiun ŝi direktis al ĉiuj kunlaborantoj. Oni sentis la sincerecon kaj altan estimon kiun ŝi havis por ĉiuj kiuj laboris por progresigi la homaron, kaj ŝian profundan intereson helpi al ili atingi siajn idealojn.

Post la etapo de disvastigo de Esperanto en la lernejoj, ŝi fondis la Esperanto-Informcentron en sia hejmo en Hillsborough, kie ŝi loĝis ĝis la vivofino. Ankaŭ la sprite grumblema Bill ne povis rezisti la forton de la edzina idealo kiu ĉiam persistis malgraŭ la fojaj aŭ oftaj kapricoj de la esperantistoj mem. Li frue emeritiĝis de bone salajrita administra posteno ĉe la fervojo "Southern Pacific" por aldoni siajn fortojn al tiuj de la edzino per tuta sindediĉo al la laboro. Dum li prizorgis la libroservon de la centro, ŝi daŭrigis la laboron eĉ post la malapero de la Novjorka informcentro kaj la preskaŭ tuta centriĝo de la nacia informado en ilia hejmo.
Cathy havis la talenton profiti bonajn ideojn kaj ilin perfekte adapti al novaj cirkonstancoj. En 1969, Allan Boschen sukcesis aranĝi someran Esperanto-kursaron en North Adams State College en Massachusetts. Konstatinte ke tiun aranĝon subtenis pli ol dudek esperantistoj el la tuta lando, ŝi tuj reiris al la plej konata universitato apud la hejmo, San Francisco State, kaj post nelonge sukcesis persvadi kaj la dekanon pri humanismaj studoj kaj la direktoron de someraj programoj serioze konsideri la aldonon de Esperanto-programo en 1970. Tiel komenciĝis la fama kursaro kiu restis konstanta ĝis hodiaŭ. Unue, la kursaro dependis sufiĉe multe de lokaj esperantistoj, tamen kiam evidentiĝis ke tiu

subteno ne rezultigus sufiĉe konstantan alfluon de kursanoj, ŝi konvinkiĝis pri ideo de la angla instruisto Leslie Hartridge allogi novajn esperantistojn provizante senpagan deklecionan kurson por interesitoj. Dum la jaroj ŝi daŭre disvastigis la senpagan korespondan kurson, prizorgis la plimulton el la lernantoj, sendis kuraĝigajn notojn kiuj montris ŝian sinceran intereson pri ĉiu individua lernanto, kaj per tio varbadis por la kursaro en San-Francisko. Nenio pli ĝojigis ŝin ol konatiĝo kun la lernantoj kiuj unuafoje venis al la kursoj, kaj poste revenis kaj revenis kaj fariĝis aktivaj laborantoj por nia lingvo. Ŝi aparte interesiĝis pri gejunuloj kiuj certigus la estontecon de la Movado, kaj malavare donacadis por subteni ilian ĉeeston.
Iom post iom ŝi povis cedi taskojn al aliaj, aparte la Esperanto Inform-centron kiu transformiĝis laŭfunkcie en la Centran Oficejon de ELNA, tamen ŝi ne povis lasi la patrinan zorgemon de la lernantoj kiujn ĝisfine ŝi amis, flegis, kaj prifieris.

Por mi persone la konatiĝo kun Cathy estis unika privilegio. Mi sentis tion kiam oni unuafoje prezentis ŝin al mi en la Pitsburga Kongreso de ELNA en la sesdekaj jaroj. La junulo kiu min prezentis (fajrulo de la tiama JEN - Junularo Esperantista de Nordameriko) esprimis evidentan admiron pri tio kio estis Cathy kaj kion ŝi jam atingis por la Movado. Tuj ŝi ekinteresiĝis pri mi kaj volis helpi atingi la celojn de nova enmigrinto al Usono kiu venis por fari postdiplomajn studojn pri lingvoj kaj daŭrigi la laboron por Esperanto. Kiam ŝi invitis min (post la instruado en North Adams) helpi William Auld fondi la kursaron en San-Francisko en 1970, kiu povis rezisti? Pat kaj mi ĵus geedziĝis, kaj mi ricevis inviton instrui la hispanan en speciala programo en Meksiko tiusomere. Sed kiu povis rezisti inviton de Cathy, eĉ se apenaŭ kuniris salajro? Ŝi malfermis sian hejmon al ni kaj gastigis nin en sia gastĉambro dum la tuta kursaro. Ŝi zorge preparis belajn manĝojn kaj donis al ni malavare ĉion kio necesis. Kio ajn estis la bezono, ŝi kaj Bill rapide kontentigis ĝin. Mi eĉ devis fari iom komplikan aranĝon pri kondukpermesilo, kaj ĉion ili tiel afable kaj senĝene prizorgis kvazaŭ estis la plej granda plezuro en la mondo solvi ĉies problemojn.
En postaj jaroj, ŝi zorgis malpliigi la ĝenojn kaj elspezojn kiam estis malfacile fari aranĝojn por reiri al la programo en San-Francisko kun propra familio, kaj rezulte niaj du esperantistaj filinoj povis multe profiti la sperton de formala lernado de la lingvo ĉe SFSU. Tiu amo, tiu estimo, tiu kuraĝigado, helpis al ĉiuj pli bone prepariĝi por helpi pri la progresigo de la movado. Ŝi ne toleris malbonan konduton de esperantistoj kaj serĉis en ĉiuj la karakteron kaj kvalitojn kiuj plej bone servus la movadon.
La granda hungara poeto Julio Baghy ricevis siatempe la karespriskribon "Homa homo". Same meritas tiun priskribon la vivo de Cathy Schulze. Inspira, dediĉita, ŝi sciis valorigi la homojn kaj ilian laboron por siaj idealoj.

Ŝi tiel fortigis ĉiujn el ni kiuj venis en kontakton kun ŝia larĝanima espero ke la idealo de Esperanto venkos la antaŭjuĝojn de la mondo, individuon post individuo. Modelo kiu konvinkis nin ke se tiel amema kaj konvinkita homo tiel alte taksas la laboron por Esperanto, ĉio kion ni faras por ĝi valoros por honori tiun modelon kaj per tio plibonigi la mondon. Ŝia oferemo ebligis nian oferemon, kaj la spiritan plifortigon kiu malfermis por ni novan horizonton en la servado al la homaro. Kio ebligis la transformon de la usona Esperanto-movado kaj de la usonaj esperantistoj el eta primokita flankgrupo en unu el la plej potencaj kaj respektataj kontribuadantoj al la antaŭenigo de la tutmonda movado.

*Duncan Charters*

## El la landoj kaj sekcioj

## Aŭstralio

**Io neordinara**

La unuan somerkursaron de 1999 en Melburno, Aŭstralio partoprenis 82 esperantistoj el 5 kontinentoj + du altuloj: ne nur la prezidanto de UEA, sed ankaŭ Mazi.

Atilio Orellana Rojas instruis pri, aŭ per, horoskopoj kaj hipokampoj; Marcel Leereveld alfrontis netransitivajn verbojn; Franciska Toubale [*ŝian artikolon vidu sube – NdlR*] popoldancis kaj aktoris. Eĉ Jaŭ (Amponah Baclu Frimpong) finfine alvenis por instrui, post koŝmara vojaĝo el Ganao. Boi Hoang Ngoc prelegis pri la venonta Azia Kongreso en Vjetnamio.

Krom la kutimaj eroj de E-aranĝo, okazis lokaj tradicioj; "sapskatola" vespero (deklamado pri io ajn); daŭrigota rakonto de diversaj verkistoj en la kursara kuriero; arboplantado. Vespere, du junulinoj konkursis pri rapida trinkado (mi ne povas imagi ilian vojaĝon en Ĉinio), kaj fruktovespertoj flugis el arboj. Kelkaj el ni lernis, ke briĝo estas pli ekscita, kiam oni konfuziĝas inter keroj kaj karooj. Lokaj bahaanoj distris nin per muziko kaj dancado. Tutklare - surprize - la movado en Aŭstralio supervivis la Universalan Kongreson...

*Margaret Furness*

**Kial somera lernejo estas nur sezona afero!!!**

Mi akceptis la defion instrui al komencantoj kadre de la somera lernejo en Melburno. Mi konsideras tion defio, ĉar kiam oni instruas E-on, plej ofte, ekzistas nek libro, kiu klarigas kiel uzi la metodon paŝon post paŝo, nek ekzercaro, dum tiu lasta abundas – ekzemple – por instrui la anglan.

Mi elektis "Mazi en Gondolando", fotokopiis la bildojn de la angle skribita



ekzercaro kaj per tio strebis paroligi la lernantojn, celante ne nur intelektan malkovron de la lingvo, sed ankaŭ konkretan alproprigon.

La situacio favoris al tuja uzado de la ĵus lernita lingvaĵo, pro la partopreno de eksterlandanoj. La etoso en la klaso estis vigla, la lernantoj volonte aktivis, aktoretis. La progreso evidentiĝis tagon post tago. Ĉe la fino la lokaj, novbakitaj esperantistoj petis, ke mi daŭrigu la kurson. Mi plezure konsentis instrui ilin tri fojojn monate. Sed... kia diferenco! Dum la somerlernejo lerni la lingvon estas ĉies intereso, la ĉeestantoj vivas Esperante. Poste la ĉiutagaj okupoj venkas. La lernantoj ne donas al si la tempon ekzerci sin inter du kurshoroj. Ili multon forgesas. La ritmo de la progreso malrapidas. Kion fari? Kiel konscienca instruanto kutime faras, mi instigis ilin korespondadi kun eksterlandanoj, iri al iu eksterlanda aranĝo – eble al la dua Azia Kongreso. Mi certas, ke la entuziasmo ne malaperis, ĉar la membroj de tiu grupo renkontiĝas pli ofte ol mi renkontas ilin, eĉ ili petas helpon de pli sperta esperantisto dum tiuj renkontiĝoj. Iom post iom kreiĝis amikega etoso. La demando estas nun: ĉu ili baldaŭ atingos fluecon en la lingvo aŭ ĉu ili fariĝos tiuj eternaj komencantoj,... kiuj tamen trovis amikojn per E-o?

Laŭ tiu sperto mia, klaras, ke kiel eble plej longa studperiodo – semajnfine, ekzemple *pli efikas* ol kelkaj horoj da studado intermiksitaj kun laboro, la ĉiutagaj zorgoj, la diversaj okupoj por ke la lernantoj atingu kiel eble plej rapide konon de la lingvo, kiu ebligas ilin vaste uzi ĝin. *Franciska Toubale*

## Brazilo

**TV FILME apogas Esperanton**

La TV-kabla entrepreno TV Filme, partnero de TVA en Brasília, Goiânia, Belém kaj aliaj urboj, apogos la diskonigadon de la novaj bazaj kursoj de Esperanto de EAB: ĉiuj abonantoj de TV Filme loĝantaj en la regiono de Plano Piloto ricevis propagandan folion de EAB, kune kun la marta numero de la revuo kiu prezentas la filmo-programaron kiun oni povis spekti dum marto. Temas pri entute 25.000 ricevontoj (bedaŭrinde EAB ne havas nuntempe strukturon por sendi la propagandan folion al ĉiuj preskaŭ 100.000 abonantoj de TV Filme en Brasília, sed por la dua semestro ni jam preparas nin por tiom vasta agado.)
La folio estas unukolora kaj havas la jenan reklaman frazon: "*Com a globalização, o mundo ficou dividido entre os que falam Esperanto e os que ficam falando sozinhos*" (Pro la globaligo, la mondo dividiĝis inter tiuj, kiuj parolas Esperanton kaj tiuj, kiuj restas parolantaj solaj". Aperas ankaŭ terglobo duondividita kaj ceteraj informoj pri la kurso, kaj ankaŭ la grafika marko de TV Filme sub la devizo "*Apoio cultural*" (Kultura apogo). Ni pretas sendi specimenon per helika poŝto al ĉiuj petantoj. Gravas ankaŭ informi, ke la instruado de Esperanto ĉe EAB ne estas senpaga, kaj la instruisto rajtas enpoŝigi parton de la enspezo.

*Fabrício Valle, Direktoro pri Informado de Brazila E-Ligo*

## Britio

**Jarkunveno de ETA**

Esperanto Teachers' Association (ETA), la brita sekcio de ILEI, ĵus okazigis ĝian jarkunvenon, komence de aprilo. La plej malbona novaĵo estis, ke nur kelkajn tagojn antaŭe mortis ĝia multjara membro kaj kunlaboranto, Joan Dawson. Krom tiu perdo, la tuta komitato kun oficistoj reelektiĝis post plejparte kontentigaj raportoj: prezidas *D-ro Paul Gubbins*, sekretario estas *D-ino Roselyme Edwards*, kaj la kason prizorgas *s-ro Ian Mac Dowall*. Ĝuste pro la financaj zorgoj la komitato eksperimente kunvenas malpli ofte ol en la antaŭaj jaroj kaj provas labor(ig)i perpoŝte kaj/aŭ interrete. Precipaj taskoj el la ĵusa jaro, kiuj daŭros en la venonta, estas:

- La laŭebla plivastigo de la publiko pri la porinfana 'Urso-Kurso': ĉiuj kvar partoj estas ekde pasinta julio haveblaj kaj grade vendiĝas – sed plia, daŭra reklamado endas.
- La ĉiujara semajnfina seminario, fine de januaro, ĉe la Wedgwood Memorial College, Barlaston, kadre de 'Ni festivalu!'. Malgraŭ organizaj problemoj, la seminario okazis komence de 1999, kaj kolegoj tie ekkonsideris la diversajn korespondajn kursojn de E-Asocio de Britio, cele al ilia renovigo.

- Laborgrupo stariĝis por daŭrigi tiun laboron kaj pretigi novan informbroŝuron por la ĝenerala publiko.
- La revuo 'Esperanto Teacher' aperis eble por la lasta fojo: la redaktoro dum 15 jaroj, Arnold Pitt, ricevis grandan dankon de la membroj pro sia laborego, sed je lia bedaŭrinda – antaŭanoncita – demisio ne tuj troviĝis anstataŭanto. Se tiel restos, la membroj devos kontentiĝi per bulteneto. la ILEI-sekciestro kuraĝigis anojn membriĝi individue al ILEI por ĝui IPR-n!

La ĉiujara 'Somerlernejo' ĉe Barlaston bonstatas, kaj denove dum la 39-a eblos fari la mezgradan ekzamenon de UEA/ILEI (la 14-20-an de aŭgusto).

*Malcolm Jones*

# Estonio

**E-Instituto de Estonio (EIE) daŭrigas la laboron**

En januaro 1998 E-Instituto de Estonio okazigis E-Kulturtagon por estonaj esperantistoj, ĉefe por E-instruistoj. La aranĝon enkondukis la direktoro de EIE, Vjaĉeslav Hromov. Li substrekis la gravecon, ke la E-instruistoj uzu novajn, modernajn metodojn, kiel ekz. Mazi kaj aliajn videbendojn. Aliaj parolantoj ekz. emfazis la propedeŭtikan kaj kulturperan valorojn de E-o. Oni prezentis ankaŭ metodikajn tabelojn uzeblajn dum instruhoroj.
En februaro EIE organizis ekspozicion pri E-lernolibroj en la Centra Urba Biblioteko de Tallin.

*laŭ Helgi Hromova,*
*sekretariino de EIE, reprezentantino de ILEI en Estonio*

# Finnlando

**Kursoj en 1998**

- En Karis-Billnäs Gymansium kaj Högstadiet finiĝis la kursoj komenciĝintaj en 1997.
- En Enontekiön lukio okazis 38-hora volontula E-kurso, kiun partoprenis 15 gelernantoj kun gvido de Pekka Välimäki.
- En Raahe Kaije Liimatainen havis 12 gestudentojn en sia kurso "Jen nia mondo" en la Laborista Instituto.
- En la Civitana Instituto de Vesanto Kimmo Hakala gvidis 24-horan E-kurson printempe kaj 6-horan kurson aŭtune kun 5-7 gestudentoj.
- En Orimattila Börje Eriksson gvidis 10-horan studrondon kun 4-6 partoprenantoj.
- En Tampere Pentti Järvinen jam de jaroj instruas en la Laborista Instituto. En 1998 li havis 5-8 studantojn. Li gvidas ankaŭ pensiulan grupon kun 5 membroj.

- En Turku Anna-Liisa Ali-Simola havis (14+14) * 2-horan studrondon por 5-6 personoj.
- En Tampere 22 skoltoj estis gvidataj al la Internacia Lingvo fare de Sylvia Hämäläinen.
- Por instruistoj kaj instruantoj estis organizita Eduka Semajnfino en Jyväskylä. Instruis Márta Kovács el Hungario.

*Laŭ la Agadraporto de ELFI 1998*

## Francio

**Korespondpeto por klasoj**

Mi gvidas E-kurson ĉe la universitato de Lille (Norda Francio). Tiu ĉiu-semajna, 90 minutojn daŭranta kurso estas malfermata al ĉiuj kiuj deziras lerni la lingvon, do, ne nur al gestudentoj. Ĝi ne estas vere oficiala kurso sed, tamen, ĝi estas subtenata de profesoro pri lingvistiko. Mi dezirus montri al miaj 25 gelernantoj ke Esperanto vere taŭgas kaj utilas kiel internacia komunikilo. Mi do proponis al ili kolektive korespondadi kun aliaj universitataj E-klasoj tra la tuta mondo. Ili tuj entuziasmiĝis pri tiu projekto. Ĉu vi opinias tiun ideon interesa? Ĉu vi havas klason kiu deziras tiel korespondi kun ni?

*Arnaud Debeurme, rete: <Florianne.Scheers@sni.fr>*

## Germanio

**Korespondpeto**

Mi estas komencanta esperantisto, ĵurnalisto, kiu volonte korespondus kun instruistoj de diversaj landoj. Momente mi laboras pri la analizo de la didaktika lernado de skribado kaj legado. Mi ŝatus interŝanĝi opiniojn ne nur pri la unua klaso en la lernejo.

*S-ro Klaus Riemann, Flurstr. 13. DE-54570 Niederstadtfeld, Germanio*

## Hispanio (Katalunio)

**Internacia E-Semajno de la Kulturo kaj Turismo**

La supra aranĝo okazis jam la sesan fojon, inter la 3-a kaj 10-a de oktobro 1998 en Calafell. El inter la 64 aliĝintoj estis 21 eksterlandanoj. En la inaŭgura festo en la nomo de ILEI la ĉeestantojn salutis nia estrarano, Carla de Lorenzi. Dum la Semajno ŝi gvidis tre sukcesan Cseh-kurson.
La sepa E-Semajno okazos en Cambrils (Tarragona – Katalunio) de la 2-a ĝis la 9-a de oktobro 1999 sub la aŭspicio de Hispana E-Muzeo.

Pliajn informojn petu de *H.F.E.A. Apartado 15027 ES-08080 Barcelona (Hispanio)*. Retadreso: *luis_serrano@mixmail.com*

**Kursoj en Sabadell**

En urbo Sabadell daŭre okazas E-kursoj kun nuna partopreno de entute 15 homoj. Menciindas la jam kelkjara-tradicia porinfana kurso, en kiu per spektado de Mazi en Gondolando, desegnado de bildoj kaj aliaj distraĵoj tri infanoj lude lernas la lingvon ĉi-jare. Elementa kurso kun 7 partoprenantoj kaj meza kun 5 kompletigas la liston.

Ankaŭ en Tarragona funkcias kurso kun partopreno de dek homoj. Interese estas ke la kurson organizis sindikato kaj okazas en la loka hospitalo. Ĝin gvidas s-ro Joan Marimon.

*Pedro M. Martin*

## Hungario

**Esperanto - denove akceptita dum lingvistika konferenco**

Dum la 9-a hungarlanda konferenco de ĝenerala kaj aplikata lingvistiko denove estis lanĉita interlingvistika sekcio. Tio povis okazi danke al tio, ke pasintjare partoprenis la laboron de tiu nova sekcio, per altnivelaj prelegoj, konsiderinda nombro da esperantistoj.

La ĉi-jara konferenco de hungaraj lingvistoj okazis en la urbo Veszprém (8-10. aprilo) kaj inter la 460 partoprenantoj ĉeestis denove ankaŭ pluraj esperantistoj. Dum la unua vespero ĉe la rondtabla diskuto pri la temo: *Mondlingvo kaj regionaj lingvoj* la gvidanto György Szépe, la prezidanto de la landa lingvista asocio, pozitive parolis pri la rolo de Esperanto, prezentante nian lingvon kaj la anglan kiel nurajn realajn kandidatojn por fariĝi mondlingvo kaj klare agnoskante la jaman (delongan) ekziston kaj ekzistorajton de Esperanto entute.

En la Interlingvistika sekcio, kiun estris Ilona Koutny, okazis la sekvaj prelegoj:

- Katalin Smidéliusz: *Lingvoplanado kiel pedagogia rimedo en la edukado de filologoj, interlingvistiko vivproksime*;
- Francesco Felici: *La internacia komunikado kaj proponoj de la jarcentfino: "eŭroklonoj" kontraŭ logikaj lingvoj*;
- Ilona Koutny: *Interkultura komunikado kaj Esperanto*;
- Michael Farris: *La TTT kaj la disvastigo de la internaciaj helplingvoj*;
- Blazio Wacha: *Dulingveco, variantoj, Esperanto*;
- Zsuzsa Varga-Haszonits: *La teorio de lingvopriskribo kaj Esperanto.*

La prelegojn aŭskultis kaj partoprenis en la postaj diskutoj ankaŭ lokaj esperantistoj.

Dum la konferenco estis disdonata la tria volumo de la pasintjara konferenco en kiu legeblis la prelegoj de D. Blanke, I. Koutny, O. Prytz, Á. Rátkai, K. Smidéliusz,

B. Wacha. La volumon plurfoje trafoliumis dum tiuj tagoj centoj da lingvistoj kaj povis legi en ĝi pri kaj ankaŭ en Esperanto plurajn interesajn artikolojn. Tio estis sendube bona propagando por la internacia lingvo.

Diskutante pri la pluaj paŝoj kaj estonteco la ĉeestantaj samideanoj interkonsentis sekvontjare aliĝi ne al la interlingvistika sekcio, sed prefere disvastigi per siaj prelegoj informojn pri Esperanto kaj ties valoroj en aliaj sekcioj de la konferenco. La ideala solvo, evidente, estus, se partoprenus la altnivelan konferencon tiom da esperantologoj, ke sufiĉu el ili kaj por la interlingvistika sekcio, kaj por partopreno en la laboro de la aliaj sekcioj. Por realigi tiun idealon ni bezonus almenaŭ dek-dekdu prelegojn kaj antaŭan strategian kunlaboron, kiun volonte kunordigos la verkinto de la supra raporto. Interesiĝantoj turnu sin al:

*Katalin Smidéliusz (redakcia adreso)*

**Amasa E-instruado en orienta Hungario**

En februaro komenciĝis nova semestro en KLTE (Scienca Universitato "Lajos KOSSUTH" en Debrecen, Hungario). La gestudentoj ĉi-foje rekordnombre enskribiĝis por la baza Esperanto-kurso, ja 125 gejunuloj komencis lerni nian lingvon. La kursestro estas Tibor PAPP. La kurso finiĝos en junio per t.n. studfina ekzameno.

En TIT (Scienca Populariga Societo) en Nyíregyháza organizis 120-horan, bazan + mezan E-kurson por 21 personoj, kiuj frekventas plejparte la korespondan sekcion de altlernejoj.

En Agronomia Altlernejo de Nyíregyháza komenciĝis same 120-hora baza + meza E-kurso por 8 gestudentoj. Ni ricevis informon ankaŭ pri la baza E-kurso, kiu ekis en Pedagogia Altlernejo en Nyíregyháza.

En la tri lastaj kursoj oni lernas por trapasi ŝtatan lingvoekzamenon, ja laŭ la leĝoj estas nepra kondiĉo posedi ŝtatan lingvoekzamenon por ricevi altlernejan aŭ universitatan diplomon en Hungario.

*Tibor Papp, <db@satrax.hu>*

## Kubo

Aperis la unua, 8-paĝa (A/5) numero 1/98 de "Saĝa Sago, la oficiala organo de Kuba ILEI-Sekcio. Jen du frazoj de ĝia titolpaĝo: "La lernejoj nialande estas la enirpordo al la E-movado. Estas nia respondeco kiel instruistoj teni ĝin malfermita." Kaj la klarigo de la titolo: "Tiel prudente kiel



saĝuloj, tiel rapide kiel sago, ni semos kaj semos konstante."
Laŭplane, la revuo aperos trifoje jare. Ĝin eldonas Kuba E-Asocio PF 5120, CU-10500 Havano, Kubo. Telefonnumeroj: 53 7 40-1364 kaj 53 7 40-4484; fakso: 53 7 338729. Retadreso: *kubesp@ip.etecsa.cu*. Ĉefredaktoro: Héctor Jiménez Batista.

## Latvio

**Rigaj studentoj lernas Esperanton**

Studentoj de Ekonomika kaj Kultura Altlernejo (kie studas ankaŭ studentoj de la Interŝtata Universitato "Ruthenia"), unue en Latvio, lernas E-on kiel devigan studobjekton kun gvido de Alida Zigmunde [*sur la foto maldekstre*]. En 1994 ŝi jam instruis ĉi tie E-on por 9 studentoj, sed tiam ankoraŭ ne devige. La estro de la altlernejo, V. Surkov apogas la instruadon de la internacia lingvo. Oni lernas ĝin dum 40 horoj. (Post ĉiuj 20 horoj sekvas studkontroloj.) Alida Zigmunde instruas ne nur la lingvon, sed parolas ankaŭ pri ĝiaj historio, literaturo, movado. La studentoj ricevas dulingvan diplomon de la Universitato Ruthenia kaj Klerigejo de la Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino, ĉar la teksto aperas ankaŭ Esperante. En 1998 la duan studkontrolon sukcese plenumis 67 studentoj.

*laŭ informoj de Alida Zigmunde, prezidanto de Latvia Esperanto Asocio*



## Pollando

**Liceanoj lernas en Bielsko**

E-o estas enkondukita en la liceon "Żeromski", mezlernejo en la sudpollanda urbo Bielsko-Biała (Silezio). La lernejo estas asociiĝinta en UNESCO. Tie okazis aŭtune sestaga intensa Cseh-kurso por 30 personoj, gvidita de Maria Majerczak, pola ILEI-sekciestrino, instruistino en la fama Jagiellona Universitato en Krakovo.

Jam post la unua lerntago la gelernantoj skribis kontrollaboraĵon, post la tria memstare leteron kaj la sesan tagon – poemetojn en Esperanto.

Dum la ferma solenaĵo la gelernantoj kantis, deklamis kaj facile konversaciis en Esperanto. Pluraj kursanoj ricevis libro-premiojn kaj ĉiuj, ankaŭ la lerneja biblioteko libro-donacojn el la loka eldonejo "Kleks" de G. Handzlik. Tiu lasta krome koncertis por la kursanoj. Okazis ankaŭ prelegeto pri E-o por la instruistaro de la lernejo. Post la kurso la instruadon daŭrigas Elizabeta Biskup, instruistino de kemio en ĉi tiu liceo, al kiu oni ŝuldas la enkondukon de E-o tie. La lernejo serĉas korespond-kontaktojn individuajn kaj grupajn (i.a. kun proksimaj ĉeĥaj urboj kaj vilaĝoj). Bonvolu skribi al la lernejo: *III. LO im. S. Żeromskiego, ul. Boh. Warszawy 20, PL-43-300 Bielsko-Biała, Pollando.*

Adreso de la instruistino: *Elizabete Biskup, ul. Wojnara1, PL-43-316 Bielsko-Biała. Fakso: (033) 8 14 46 23.*

*Elizabete Biskup*



**Interlingvistikaj Studoj daŭre ĉe UAM**

La dua sesio de Interlingvistikaj Studoj okazis inter la 8-13-a de februaro 1999 en la Lingvistika Instituto de Universitato Adam Mickiewicz (Poznan, Pollando). La gestudentoj el diversaj landoj - post la ekzameniĝo el la unua semestro - povis aŭskulti prelegojn de kaj diskuti kun:

- D-ino hab. Vera Barandovska-Frank (Germanio) pri la problemaro kaj historio de interlingvistiko;
- D-ro Blazio Vaha (Hungario) pri la bazaj nocioj en morfologio kaj sintakso;
- S-ino Lidia Ligeza pri la dua periodo de e-a literaturo kaj
- D-ino Ilona Koutny pri esperanta gramatiko.

La sciencan programon kompletigis teatra vespero de Jerzy Fornal, organizita kune kun la loka grupo de PEA. En la sekva studjaro (unua sesio 19-24.09.1999), UAM denove atendas novajn aliĝontojn (aliĝdato: 15-a de aŭg.). Interesiĝantoj turnu sin al:

*D-rino Ilona Koutny, Lingvistika Instituto, Adam Mickiewicz Universitato, Miedzychodzka 5, PL-60-371 Poznan, T/F (hejme): +48-61 817-28-73, rete: <ikoutny@amu.edu.pl>*

## Usono

**Universitato "San Francisco State" [en la urbo San Francisko, Kalifornio]**

La mondfama 3-semajna 3-kredita kursaro ĉe SFSU okazos ĉi-somere de la 6-a ĝis la 23-a de julio kaj enhavos 4 nivelojn: baza, meznivela lernado, meznivela instruado, kaj supera.

Infanoj de dek jaroj kaj pli aĝaj ofte partoprenas, kaj proksimume la kvarono de la studantoj venas de aliaj landoj, tial ĉi tiuj kursoj estas mult-nacia socia agado. La instruistoj estos elstaraj esperantistoj el Kanado (Mark Fettes), Argentino (Atilio Orellana Rojas), Usono/Japanio (Joel Brozovsky), kaj Pollando/Kanado (Maria Hopkins).

Vesperaj programoj, gvidotaj de Maria Hopkins, inkluzivos grup-kantadon, popol-dancadon, diapozitivojn, prov-prezentojn antaŭ publiko, temojn por instruistoj, kaj Esperanto-kulturon.

Ofte eblas ke profesiaj instruistoj ricevu 450 USD (la kotizon) per stipendia fonduso. Plej gravas frua peto.

Por pli da informo pri kursoj, stipendioj, loĝado, kaj aliĝiloj, kontaktu: *Ellen Eddy, 11736 Scott Creek Dr. S.W., Olympia WA 98512; tel. 360-754-4563; rete: <eddyellen@aol.com>*

*Doroteo Holland*

## PARABOLO

Krom senfinajn kapdolorojn por instruistoj, la pograda aplikado de la nova eduksistemo en Hispanio alportas ankaŭ humuron. Kiel sciate, humuro estas ofte sindefenda strategio en malfacilaj cirkonstancoj kaj ĝi multe efikas kiel trankviligilo. Por streĉitaj instruistoj kiuj sentas sin pli kaj pli premataj kaj de malbonkondutaj, pigraj lernantoj unuflanke kaj de nekomprenema, ege postulema administracio aliflanke, humuro estas nura armilo kontraŭ malkuraĝiĝo.

Kiel ekzemplo, jen unu el la ŝercoj kiuj lastatempe furoras inter katalunaj instruistoj:

Vidinte la homamasojn, Jesuo supreniris sur la monton kaj, malferminte la buŝon, li instruis ilin, dirante:

*"Feliĉaj estas la malriĉaj en spirito, ĉar ilia estas la regno de la ĉielo.*
*Feliĉaj estas la plorantaj, ĉar ili konsoliĝos.*
*Feliĉaj estas la humilaj, ĉar ili heredos la teron ...."*

Petro demandis: "Ĉu ni devas tion parkerigi?"
Kaj Andreo demandis: "Ĉu ni skribu ĉion?"
Kaj Jakobo demandis: "Ĉu vi demandos tion dum la ekzameno?"
Kaj Filipo diris: "Mi ne havas kajeron"
Kaj Bartolomeo demandis: "Ĉu tio estas hejmtasko?"
Kaj Johano petis: "Ĉu mi povas iri al la necesejo?"
Kaj Judaso demandis: "Kaj tio por kio utilas?"

Tiam ĉeestanta fariseo petis de Jesuo la instruplanon kaj demandadis lin tiel: "Kiuj precize estas la de vi taksataj efektivigendaj didaktikaj celoj? Kiel vi pritraktas nivelan diversecon en la klaso? Kiujn motivigajn strategiojn vi utiligas?"

La okuloj de Jesuo pleniĝis je larmoj kaj li tuj formale petis fruan emeritiĝon.

*Pedro M. Martin*

## Kelkaj gvidlinioj rilate "Mazi-n"

Ŝajnas al mi superflue memorigi al kelkaj personoj, pli spertaj ol mi, ion pri instruado, sed eble ĝi povas esti utila.

Infanoj lernas duan lingvon tiel kiel ili lernis sian nacian lingvon eĉ sen iri al lernejo. Infanoj estas tre lernemaj: ili tuj klopodas ripeti vortojn kaj frazojn en la nekonata lingvo. Tion oni povas konstati inter infanoj de eksterlandaj gepatroj.

Tiuj infanoj parolas multe pli frue la lokan lingvon ol la gepatroj, krome ili parolas ĝin preskaŭ flue kaj sen prononc-eraroj. Tio ŝajnas esti stranga, sed infanoj havas naturan talenton lerni lingvon per nur rigardo kaj aŭskulto, same kiel ili lernas la patrinan lingvon.

Estas pli malfacile lerni fremdan lingvon, kiam oni fariĝas pli aĝa. Tial estas konsilinde komenci lerni fremdan lingvon kiel eble plej frue. La Mazi-metodo uzas tiun naturan talenton de infanoj: Ĝi estas bazita sur la simpla principo (rekta Cseh-metodo) de rigardi, aŭskulti kaj lerni.

Ankaŭ plenkreskuloj povas utiligi tiun ĉi metodon kun bonega rezulto, ĉar la du 90-minutaj vidbendoj estas registritaj komplete en Esperanto kaj ankaŭ la libro kaj sonkasedo kun la kantoj (tre utila ne nur por infanoj). La interparoloj estas tre simplaj kaj facile kompreneblaj, ĉar ili sekvas precize tion, kion la personoj faras en la filmo. De tempo al tempo sur la ekrano aperas ankaŭ Petro (figuro sur biciklo), kiu klarigas la signifon de gravaj eroj de la nekonata lingvo kaj montras kiamaniere uzi ilin. La lernanto, aŭskultante kaj atente rigardante lernas kvazaŭ ludante nekonatan lingvon.

Kiamaniere uzi "Mazi"?

Plej grave estas, ke vi trovu manieron, kiu plaĉas al la lernantoj, alian por infanoj, alian por plenkreskuloj, ke ili ĉefe amuziĝu. La instruisto devas ŝanĝi la prezentadon laŭ la situacio en la grupo, laŭ la aĝo de la partoprenantoj.

Estas grave, ke la instruisto rigardu kaj aŭskultu la tutan filmon antaŭ ol komenci ĝin instrui. Tio helpas respondi al la demandoj de la lernantoj. Estas bone, ke ili mem demandu unu la alian: por iom ekzerci praktike la lernitan tekston, ludante rolojn de Silvja, Karlo, Korvaks, Mazi. Gravas ankaŭ, ke je la komenco kaj je la fino de ĉiu leciono la lernantoj mem demandu inter si, kion ili lernis kaj rilatigi ĝin al sia tuttaga vivo, en realo.

*Carla De Lorenzi*

Reagoj al...

## M. La Torre: Ĉu la instrufaka terminaro estas sufiĉe matura? – en IPR 98/4

Mi rilatigas al la utila kaj urĝeca artikolo de Maŭro La Torre en IPR 4/98 paĝe 5-9. Mi tute samopinias kun li, speciale kun lia klarigo (paĝe 7), ke la

signifigado ante certajn (multajn) vortojn ate de P.V. kaj de P.I.V. estas konfuza, ĉar tro multsenca. Ofte ilia klarigo de fakaj (kaj eĉ de ĉiutagaj) vortoj estas interesa kaleidoskopo de diversaj kulturoj, sed neutila por fidebla lingvo internacia, eĉ malutila kiel normaro por komputila laboro.

Mi do konsentas, ke speco de fakvortaro pri edukado estas bezonata, kaj estos pli valora ol P.I.V./P.V., ĉar pli fidebla. Mi esperas, ke Maŭro kaj aliaj trovos la tempon kaj energion kompletverki (verki kompleta) tian vortaron. Mi bedaŭras ne povi helpi multe, pro tro da konstanta laboro organizi la aŭstralian E-ekzamenadan sistemon. Mi tamen proponas du malgrandajn helpojn miajn: 1) Ĉi-sube doni kelkajn konsilojn por la intencita verkado, kaj 2) kritikhelpe studi la proponotajn terminojn tuj, kiam ĉiuj aŭ kelkaj estos faritaj, kaj proponeti, kie necesas, aliajn terminojn aŭ signifigojn.

Jen do miaj kelkaj bazaj reguloj, kiujn mi trovas necesaj:

A) Se vortradiko jam oficiala havas en la vortaroj du aŭ pli da malsamaj signifoj (ne temas pri metaforaj signifoj), unu el ili elektatu kiel la nura signifo, kaj la vorto ne plu uzatu kun la aliaj signifoj. Por la aliaj signifoj serĉatu novaj aŭ jam uzataj vortoj aŭ frazoj.

B) Serĉante novajn vortojn, oni uzu nur oficialajn radikojn, ne neologismojn.

C) Kreante (novajn) kunmetojn bezonatajn, oni uzu nur oficialajn radikojn (kaj afiksojn), kaj obeu la gramatikajn regulojn koncerne permesitajn kaj malpermesitajn kunmetojn (vidu mian libron "Por ĝuste uzi Esperanton").

Ĉ) Ni ne hezitu uzi analizajn frazojn (kiel ofte faras la franca kaj la angla) anstataŭ kunmetaĵoj, se la kunmetaĵo estas tro longa aŭ nepermesita aŭ neklara. Ekz. "porinfana gazeto" anstataŭ "infangazeto", kiu lasta vorto povas signifi ankaŭ "gazeto de infanoj", kaj "blanka tabulo" anstataŭ la neĝusta "*blanktabulo", kaj "parole ekzameni" anstataŭ "*parolekzameni". Ekzistas tendenco inter leksikologoj kaj verkistoj uzi nur solajn vortojn por unuopaj nocioj, kvazaŭ la analizaj formoj estas malĝustaj.

D) Ni uzu pli-malpli arĥaikajn vortojn por similaj nocioj nuntempaj, aŭ laŭ metafora signifo ("polucio" por la nun ĝenerala signifo) aŭ pro modernigo de la afero ("kaleŝo" por la aŭtobusoj longdistancaj aŭ nehoraraj). En la maloftegaj kazoj, kiam ni celas la originan nocion ("polucio" por spermelfluo, kaj "kaleŝo" por ĉevaltirata 'aŭtobuso'), ni facile povos plispecifi la nocion, uzante frazon, se necese.

*Marcel Leereveld, Melburno, Aŭstralio*

## DU RAKONTOJ POR INFANOJ



*Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapiĉ* (1913), *Ivana Brlić-Mažuranić* (1974-1938). Trad. Maja Tiŝljar. Kroata Esperanto-Ligo, Zagreb,1998.11 lp.19 cm. ISBN 953-96918-2-6.

*La brulanta kastelo, Leopold Vermeiren.* Trad. Ivo Durwael. Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno,1997. Ilus.: J. de Simpele. 48p. 20 cm. ISBN 90-71205-71-1.

Jen du infan-libroj el foraj tempoj, kie ĉefrolas virto, honesteco kaj kuraĝo. Bona ago farita iame rezultas en pli granda oportunaĵo longe poste. La unua havas infanan heroon; eta Hlapiĉ forlasas sian botfaristan mastron pro ties kolerego kaj mistrakto. Kun minimumaj rimedoj, li tamen helpemas al tiuj, kiujn li renkontas en sep-taga aventuro. Ne mankas heroino, nek ŝtelistoj kaj malbonuloj.
La verkistino, 'la kroata Andersen', uzas freŝajn parolturnojn, ekzemple: "domo tiom alta, ke ĝiaj supraj fenestroj ankoraŭ rigardas la lunon." kaj "ĉio estis malhela kiel en fermita skatolo". Ŝi klare konceptis la verkon por laŭt-legado, foje rekte alparolante la aŭskultanton. Tiel ni "eltestis" ĝin, kiel seria vespera rakonto por ok-jara knabino.
Dekon da tagoj post la finlego, Karina pruvis, kiom la rakonto impresis ŝin, rakontante: "Mi ĝuis la rakonton, ĝi estis tre interesa. Mi havas unu ŝanĝ-proponon - jen ĝi: Kiam Hlapiĉ kaj Gita eniris la cirkan tendon kaj vidis la ĉevalon de Gita, kial ili ne forportis ĝin? Tiam ili povus rapidi. Tiam, tamen, ili ne renkontiĝus kun la korboplektisto kaj tiu ne avertus pri la fosaĵo... tiam ili enfalus la fosaĵon, krom se la ĉevalo estus tiom saĝa eviti ĝin. Sed la ĉevalo ne povus teni [*rakonto-fine*] tri homojn, ĉar Majstro Mrkonja kaj Hlapiĉ kaj Gita estas tro pezaj por la ĉevalo. Tamen, estus bona ideo kunpreni la ĉevalon."



* * *

La heroo de la dua libro estas plenkreska. Sur ĉevalan turniron eniras kaŝite la ruĝa kavaliro. Li gajnas, sed en forfuĝo estas kaptita. Helpe de fajlilo enĵetita de la lojala Konrado, li eskapas. Li triumfas en ambusko kontraŭ kvino. Venĝe Gerardo de Arbarejo bruligas la kastelon de mastro Uroldo, kiu krome bezonas savon. - Teknike, ambaŭ libroj estas presitaj sur bona papero, Kastelo kun trarakontaj nigra-blankaj ilustraĵoj. Hlapiĉ kun plenkolora kovrilo, bindita kun spino, klara granda litertipo, sed iom tro da preseraroj. Kastele, koboldoj kvante

modestas, sed kvalite elstaras (p. 33): 'Baldo atendis longe, ĝis la gardisto sur la kastela muro estos preterpisinta.'

En ambaŭ, la lingvo-uzo estas bunta, elvokiva kaj certe larĝigos la vort-trezoron de aŭskultanto. Ambaŭ estas taŭge aranĝitaj en mallongaj sekcioj, bone dozitaj por po-vespera legado, kun konvena ekscito-punkto por dezirigi pli. Se mankas tio, oni tamen tentas, ekzemple fine de la dua aventuro-tago: "Hlapiĉ ne scias, kiom da bono kaj malbono atendas lin dum la vojaĝo. Se li tion scius, li ne dormus tiom trankvile." La komencaj linioj de novaj sekcioj ripetas informojn, ebliganta rebildigon de la antaŭ-taga legado. Ni rekomendas ilin ambaŭ.

*Karina kaj Stefan MacGill*

## LA KNABO FRENEZETA

LA KNABO FRENEZETA — Ziraldo








ne troviĝas inter la Furoraĵoj de la Kongresa Libroservo '98 nur ĉar la 10-ekzemplera(!) stoko elĉerpiĝis tuj post la malfermo de la libroservo en Montpeliero. Se estus disponeblaj libroj, mi firme kredas, ke ĝi troviĝus minimume ĉe la 2-a loko. Temas pri aventuroj kun desegnaĵoj (ne bildstrio) de petolema aminda knabaĉo. (vd.: Esperanto n-ro 1105 jul-aŭg 98 p. 139).

Mi havas kelkajn bildstriojn pri ĝi, kiujn mi povos sendi (laŭ peto) al E-redakcioj. La tradukinto vojaĝis 48 horojn, restis 24 horojn en Salvadoro, nur por ne maltrafi la aŭtograf-vesperon dum la lasta Brazila Kongreso de Esperanto. Tamen la libroservo portis NENIUN ekzempleron. Tre bonŝance la famega aŭtoro Ziraldo lastmomente ne povis iri.

*laŭ Roberto Resende, <roberto@esperanto.nu>*

## Nova adreso de la Redaktoro:

Németh József, HU-8531 IHÁSZ, Fő u. 41/5 Hungario. Telefono kun respondaparato kaj komputila fakso: +36-89 /356-050. Funkcias ankaŭ la malnova adreso. Ampleksajn sendaĵojn prefere sendu tien.

*Jozefo Németh*

## SEKCIESTROJ

**Albanio**: Bardhyl Selimi, Rr. Maliq Muco, Pall. 50, ap. 3, AL-Tirana

**Argentino**: Teresita Alaníz, El Ombú s/n, AR-5801 Alpa Corral

**Aŭstralio**: Jennifer Bishop, 39 Hill Street, Hawthorn, Victoria AU-3122 🖳: *esperanto@education.monash.edu.au*

**Belgio**: Raymond Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende

**Brazilo**: Elvira Fontes, Rua Machado de Assis 243, ap. 11, BR-04106-010 Sao Paulo (SP)

**Britio**: Malcolm Jones, 1 Regent Avenue, Skipton, GB-North Yorkshire BD23 1AZ

**Ĉeĥio**: Jana Melichárková, CZ-696 02 Ratíškovice 938 🖳: *mmelicharek@iol.cz*

**Ĉinio**: Zhang Danchen, General Foreign Languages Dept., 29-34 North Part, Huazhong Normal University, CN-430070 Wuhan 🖳: *zdchen@public.wh.hb.cn*

**Finnlando**: Raita Pyhälä, Jykyrintie 3, FI-69440 Lestijärvi, 🖳: *raita.pyhala@lestijarvi.fi*

**Francio***: Marie Malezieux-Hunninck, Grand rue, FR-86410 Bouresse

**Germanio***: Michael J. Scherm, Von Thürheimstr. 47, DE-89264 Weissenhorn

**Hungario***: József Németh, Kilián ltp. 75/9, HU-8500 Pápa 🖳: *nlalt@konyvtar.c3.hu*

**Irano**: Hamzeh Ŝafii, P.O. kesto 17765-184, IR-Teheran 🖳: *ilei.ir@esperanto.org*

**Italio**: Maŭro La Torre, Viale Bardanzellu 117, IT-00155 Roma 🖳: *m.latorre@uniroma3.it*

**Japanio**: Masumi Suzuki, Inokashira 3-5-12, Mitaka-shi, Tokio, JP-181-0001

**Kroatio**: Ivan Bekavac-Basić, Kuŝianova 59, HR-10000 Zagreb

**Kubo**: H. Jiminéz, Apartado 5120, CU-10500 Ciudad de la Habana 🖳: *kubesp@ip.etecsa.cu*

**Nederlando**: Hans ten Hagen, Middenweg 587, NL-1704 BH Heerhugowaard 🖳: *ten.hagen.esperanto@wxs.nl*

**Norvegio**: Björn Thuv, Aröyveien 33, NO-3135 Torod 🖳: *bthuv@c2i.net*

**Pollando**: Maria Majerczak, ul. Armii Krajowej 7, m. 122, PL-30 150 Krakow

**Rumanio**: Prof. Popa Florica, Str. Eroilor 29, ap.7. RO-1900 Timisoara

**Rusio**: Irina Gonĉ arova, Moloeznaja 38-10, Odincovo 2, Mosk. obl. RU-143000 🖳: *ab2928@mastak.sitek.ru*

**Svedio***: Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-24294 Hörby 🖳:*bertil.andreasson@horby.mail.telia.com*

**Svislando***: François Randin, Str. Vallombreuse 14, CH-1004 Lausanne 🖳: *ilei.ch@esperanto.nu*

**Usono***: Doroteo Holland, 5140 San Lorenzo Dr, Santa Barbara, US-CA 93111-2521 🖳:*72644.2450@compuserve.com*

**Islando**: Loftur Melberg, Skolabraut 1, IS-220 Hafnarfjördur

**Israelo**: Murĵ an Josef, P.K. 1289, IL-61012 Tel-Aviv

**Jugoslavio**: Radojica Petrovic, Bul. Oslobodjenja 36, YU-32000 Cacak 🖳: *radp@emi.yu*

**Kongo**: Ngangu Nduantoni-Bakidila, B.P. 13, CG-Lukala (Bas-Zaïre)

**Kostariko**: Hugo Mora Poltronieri, Apartado 4981, CR-1000 San José 🖳: *miaumiau@pop.racsa.co.cr*

**Koreio**: So Ĵ in Su, Dept. de Ekonomiko, Universitato Kangnam, Kugali Kihung-up, Yongin-gun, Kyonggi-do KR-499-900 🖳: *so@kns.kangnam.ac.kr*

**Litovio**: Algimantas Piliponis, Karolinisiu 3-93, LT-2044 Vilnius

**Nov-Zelando**: Gwenda Sutton, 12C Herbert Gardens, 186 The Terrace, NZ-Wellington 1 🖳:*Sir_Lancelot@compuserve.com*

**Portugalio**: João Jose Santos Rua da Escola, lote 57 - r/c esq Vale Grande PT-1675 Pontinha

**Slovenio**: Marija Zlatnar-Moe, Milić inskega 66, SI-1000 Ljubljana. 🖳:*Marija.Zlatnar@guest.arnes.si*

**Togolando**:Afantchao-B.Yao, B.P. 20225 TG-Lome

**Ukrainio**: Svetlana Fedotova, P.O. Kesto 88, UA-253222 Kiev

**Uzbekistano**: Eugeno S. Perevertajlo, Ab. kesto 140, UZ-700000 Taŝkent, CIS 🖳: *eugeny@esper.gimli.com*

**Venezuelo**: Prof. J.E. Bachrich, Apartado VE-70782, Caracas 1071 A

## REPREZENTANTOJ

**Armenio**: Lida Elbakjan, Moldovakan 26/2, kv. 52, AM-375062 Erevan

**Bosnio kaj Hercegovino**: Nimeta Kulenoviĉ, Branica Sarajeva 15/V, BA-71000 Sarajevo

**Ĉilio**: Héctor Campos Grez, Casilla 231, Curicó, CL-Séptima Región 🖳:*strigo@ctcreuna.cl*

**Danio**: *vakas*

**Estonio**: Helgi Hromova, Pk. 94, EE-3053 Keila

**Hispanio**: Pedro M. Martin Burutxaga, Ctra. Estació 2 A-5-2, ES-17300 Blanes(Katalunio) 🖳:*pmarti10@pie.xtec.es*

Noto: *Asteriksoj indikas la landojn, kie oni ricevas la revuon tra la landa ILEI-sekcio. Adres-ŝanĝojn, petojn pri nericevitaj numeroj kaj simile, bv sendi al la adreso de la Sekretario en Nederlando ne al la presejo aŭ al la Redaktoro.*

## LABORKOMISIONOJ

**Ekzamena:** prez.: Atilio Orellana Rojas (adreso, kovrilo 2). Sekretario de elementa kaj meza niveloj: Hans ten Hagen, (adreso, kovrilo 3)

**Lernej-konkursa:** Géza Kurucz, Hitel u.10.fszt.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario. Rete: kg@esperanto.nu

**Lernej-projekta:** Maŭro La Torre, Jennifer Bishop, Marija Beloŝeviĉ

**Terminara:** Maŭro La Torre, Viale Bardanzellu 117, IT-00155 Roma, Italio

**Elekta:** Doroteo Holland - Usono, Agneta Emanuelsson - Svedio, Gwenda Sutton – Nov-Zelando

**Regulara:** Rob Moerbeek, Hans ten Hagen

**Kontrola:** Membroj: Märtha Andreasson, Gertrud Lund kaj vic-membro: Bo Sandelin

## KUNLABORANTAJ INSTITUCIOJ

**IEI:** Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando

**UEA:** Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando

**UNESKO** (*en operaciaj rilatoj*). Reprezentanto de ILEI: François Lo Jacomo, 21 rue Juliette Dodu, FR-75010 Paris, Francio

## MEMBRIĜO AL ILEI KAJ PAGADO POR ALIAJ SERVOJ

La membreco inkluzivas ricevon de kvar numeroj de IPR jare. Turnu vin al via landa sekcio, kiu fiksos kotizon en via propra valuto. Por pagi rekte al la internacia ILEI, skribu al la kasisto. **Kasisto de ILEI:** *Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-242 94 Hörby, Svedio; poŝtĝirkonto 682117-7 (Stokholmo).* Membrokotizoj en landoj kun sekcio: a) A-kategoriaj landoj (vidu UEA-dividon): 22 NLG al la sekcio aŭ 25 NLG rekte al ILEI. b) B-kategoriaj landoj: 20 NLG al la sekcio aŭ 22 NLG rekte al ILEI. c) En landoj sen sekcio: 20 NLG, pago al ILEI rekte. d) Simpla abono sen membreco (por E-societoj, bibliotekoj k.s.): 30 NLG. Pro altaj banko-kostoj, evitu bankĉekojn kaj eĉ internaciajn poŝtoĝirojn; taŭge plenumita Euroĉeko plej bonas. Alia pagmaniero estas al UEA: **UEA**, Nwe. Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, pĝk 37 89 64. UEA akceptas kredit-kartajn pagojn. Klare indiku la celon de la pago kaj la internan konton de ILEI: *ilek-a*. Prefere informu senpere la kasiston de ILEI pri la enpago.


## REDAKCIAJ INFORMOJ

**Respondeca eldonato** (verantw. uitgever): R. Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende. **Redaktejo:** NÉMETH József, HU-8531 IHÁSZ, Fő u. 41/5. Por ampleksaj sendaĵoj: HU-8500 PÁPA, Kiliánm ltp. 75/9. **Retadresoj:** *nlalt@konyvtar.c3.hu* (redaktoro), *smidik@rik.bdtf.hu* (vicredaktoro). Ni ambaŭ povas akcepti faksojn per komputilo, sed avertu nin telefone antaŭ ol vi faksas. **Telefon-numeroj:** +36-89/356-050 aŭ 315-836 (red.) kaj +36-94/320-313 (vicred.) **Presado:** Flandra Esperanto Ligo, Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen, ☎ +32-3-234 34 00.

La nunan numeron ni sendis al la presejo la 3-an de majo, **redaktofino por la sekva numero: la 27-a de aŭgusto 1999.**